VIIa jaro. No 107 ★ Duonmonata ★ 20 Augusto 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| ABONO | | |
|---|---|---|
| Jara abono ...... | 2,00 $ | (5 fr. ») |
| Luksa eldono.... | 2,50 $ | (6 fr. 25) |

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO : HECTOR HODLER

| REKLAMO | |
|---|---|
| Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). | 20 Sd. |
| Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . | 15 Sd. |
| Korespondado (1 enskribo). . | 20 Sd. |

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# GENTOJ KAJ LINGVO INTERNACIA

## Memuaro de D-ro L. L. Zamenhof por la Kongreso de Rasoj.

Estimataj Sinjoroj ! Kvankam la nomo de Via kongreso estas « Kongreso de *Rasoj* », tamen permesu al mi, ke mi parolu ne sole pri *rasoj,* sed ankaŭ pri *gentoj,* ĉar ambaŭ egale signifas etnologian grupon da homoj kaj diferencas nur per sia amplekso. La samaj rilatoj, nur eble en pli aŭ malpli granda mezuro, regas inter la gentoj, kiel inter la rasoj, kaj tre ofte estas malfacile diri, ĉu tiu aŭ alia homa grupo prezentas rason aŭ genton.

La reciproka batalado inter la diversaj homaj rasoj kaj gentoj estas la plej granda malfeliĉo de la homaro. Se la Kongreso de Rasoj povus trovi ian rimedon, por forigi, aŭ almenaŭ malfortigi la reciprokan malamon kaj bataladon inter la homaj gentoj, ĝi povus esti kalkulata al la plej gravaj el ĉiuj kongresoj, kiuj iam ekzistis. Sed, por tion atingi, la kongreso devas ne kontentigi sin per teoria rezonado, kiu forflugas sencele, kiel vento, ne serĉi vanajn kompromisojn, kiuj flikas unu lokon, krevigante alian ; ĝi devas antaŭ ĉio esplori kaj trovi la *kaŭzon* de la ekzistanta malbono kaj serĉi rimedon, por forigi, aŭ almenaŭ malfortigi tiun kaŭzon.

Kio estas la ĉefa, eble eĉ la sola kaŭzo de la malamo inter la gentoj ?

Ĉu cirkonstancoj *politikaj,* t. e. konkurado inter tiuj homaj grupoj, kiujn ni nomas regnoj ? Ne ! ĉar oni ja scias, ke ekzemple germano el Germanujo ne sentas ian naturan malamon kontraŭ germano el Aŭstrujo, germanoj naskitaj kaj loĝantaj en plej diversaj regnoj havas inter si reciprokan simpation, dum ekzemple germanoj kaj slavoj, naskitaj kaj loĝantaj en la sama regno, rigardas sin reciproke kiel fremdulojn kaj — se la homeco ne superas en ili la grupan egoismon — ili sin reciproke malamas kaj interbatalas. Sekve ne la ekzistado de regnoj kreas la gentojn kaj la intergentan malamon.

Ĉu ĝin kreas la konkurado *ekonomia* ? Ne ! Ofte efektive ni aŭdas la krion : « Danĝero ! Tiu aŭ alia gento nin ekonomie englutos ! Ni malamu ĝin, ni premu ĝin, ni batalu kontraŭ ĝi ! » Sed ĉiu homo, kiun ne blindigas ŝovinismo, facile povas kompreni, ke tiuj krioj estas tute sensencaj, ke ni malamas fremdajn gentojn ne ĉar ni timas, ke ili nin ekonomie englutos, sed ni krias pri englutado tial, ke ni ilin malamas. Ĉar se efektive ekonomia timo estus kaŭzo de nia malamo, tiam en ĉiu lando ĉiuj provincoj kaj urboj devus ja tiel same reciproke sin malami kaj kontraŭbatali. Ĉu efektive pro kaŭzoj ekonomiaj ekzemple la milionoj da rusaj malriĉuloj malamas la milionojn da ĥinaj malriĉuloj, dum, por defendi siajn rusajn premantojn kontraŭ fremduloj ili tiel volonte verŝas sian sangon ? Kompreneble ne,

**Pro la Antverpenaj Kongresoj la venonta numero de ESPERANTO aperos nur la dudekan de Septembro.**

**Ĝi enhavos plenan raporton pri la Sepa Universala Kongreso de Esperanto kaj pri la Dua Kongreso de U. E. A.**

ĉar la rusa soldato, mortigante ĥinan soldaton, scias tre bone, ke tiu ĉi lasta neniam farus al li tiom da malbono, kiom lia samgenta « pugno ». Sekve ne kaŭzoj ekonomiaj kreas la intergentan malamon.

Ĉu ĝin kreas la reciproka *malproksimeco*, la malsameco de la geografiaj, klimataj kaj aliaj cirkonstancoj, kiuj kaŭzas ian naturan fremdecon kaj antipation inter la gentoj ? Ne ! Malproksimeco kaj malsameco de lokaj klimataj cirkonstancoj efektive kaŭzas kelkan malsamecon de la eksteraĵo kaj de la karaktero de homoj, sed ne kaŭzas gentojn nek intergentan malamon. La geografia kaj loknatura diferenco inter Peterburgano kaj Odesano aŭ inter Kievano kaj Krasnojarskano estas senkompare multe pli granda, ol ekzemple inter Berlinano kaj Varsoviano, kaj tamen inter la unuaj regas la sento de plena samgenteco kaj frateco, dum inter la lastaj ĉiam regas la sento de plena reciproka fremdeco kaj plej fanatika intergenta malamo. Sekve ne la malsameco de la geografiaj kaj klimataj cirkonstancoj kreas la intergentan malamon.

Ĉu ĝin kreas la fakto, ke malsamaj rasoj kaj gentoj diferencas inter si per la ecoj de *korpo* ? Ne ! Interne de ĉiu gento ni havas homojn kun la plej malsama koloro de la haŭto, kun plej malsama grandeco, formo de la korpo kaj de ĝiaj apartaj partoj ; ofte du personoj el la sama gento multe pli diferencas inter si reciproke per la korpo, ol ekzemple meza Japano de meza Franco ; kaj tamen al neniu iam venas en la kapon eĉ la plej malgranda ideo dividi la membrojn de ia popolo en apartajn grupojn laŭ la korpaj formoj kaj supozi, ke tiaj grupoj devas sin reciproke malami kaj kontraŭbatali. Pri la plimulto da fremdaj gentoj jam nun neniu el ni dubas, ke la malsimileco inter iliaj korpoj kaj niaj estas por ni tute indiferenta, ni plejparte ĝin eĉ tute ne povas distingi, ofte ĝi eĉ rekte nin allogas, dank' al nekonscia leĝo de la naturo, kiu fiziologie favoras intermikson de la gentoj. Nur pri unu sola raso al multaj el ni ŝajnas, ke ni havas kaj ĉiam havos kontraŭ ĝi antipation naturan, tio estas la raso nigra. Sed pli atenta primedito facile montros al ni, ke la kaŭzo de tiu antipatio estas tute alia : la nigruloj, kun kiuj ni, blankuloj, kunpuŝiĝas, antaŭ tro nelonge estis ankoraŭ sovaĝuloj kaj poste sklavoj, kaj la plimulto el ili konservis ankoraŭ la karakterajn trajtojn aŭ la sekvojn de longa barbareco kaj sklaveco, kaj tio nin, homojn liberajn kaj jam delonge civilizitajn pure instinkte forpuŝas. La sentoj de blankulo koncerne nigrulon — tiu sento, kiu ŝajnas al ni ia rasa antipatio — estas en efektiveco tute la sama, kiel la sento de hereda aristokrato koncerne krudan kampulon, kiu estas malagrabla al il pro sia neinteligenteco kaj malelegantaj manieroj. Sed kiam post kelka tempo ĉe la nigruloj malaperos ĉiuj trajtoj de estinta barbareco kaj sklaveco, kiam ili atingos potencan gradon da kulturo, elŝovos el sia mezo multe da grandaj homoj — tiam tute sendube la nuna senkonscia malestimo kaj antipatio cedos lokon al respekto, kaj tiam nin jam certe ne forpuŝos ilia nigra haŭto aŭ dikaj lipoj. Ĉiu el ni povas vidi en sia propra popolo multajn personojn, kies korpoj multe pli malplaĉas al ni, ol la korpo de ia alirasano ; se iliaj korpoj estas por ni tro malagrablaj, ni eble ilin evitas ; sed ĉu pro la formo de ilia korpo ni ilin malamas aŭ persekutas ? Ne ! Ne la malsameco de la korpaj formoj kreas la intergentan malamon.

Ĉu ĝin kreas la malsameco de la *mensoj* ? Ne ! La cerboj kaj la koroj de la homoj el ĉiuj gentoj estas laŭ sia naturo tute egalaj ; kaj se ni tiel ofte vidas malsamecon de mensoj, tio estas ne propraĵo *genta*, sed propraĵo *individua*, aŭ dependas nur de la cirkonstancoj, en kiuj la individuo aŭ la tuta gento vivas. Se ni vidas grandegan diferencon inter la mensoj de ia interne-Afrika gento kaj la mensoj de ia Eŭropa popolo, la kaŭzo konsistas ne en la malsameco de la gentaj ecoj, sed en la malsameco de la civilizacio aŭ de la politikaj aranĝoj. Donu al la Afrikanoj sen premado kaj malamo altan homan civilizacion, kaj tiam iliaj mensoj neniom diferencos de niaj. Forprenu de ni nian tutan civilizacion, kaj tiam niaj mensoj neniom diferencos de la mensoj de Afrikanoj hommanĝantoj. Sekve ni havas ĉi tie ne diferencon de gentaj mensoj, sed diferencon de *klereco*, kiun ni en pli aŭ malpli granda mezuro povas vidi ankaŭ inter la diversaj klasoj aŭ diversaj historiaj periodoj de la *sama* gento. Ke la diversaj mensoj ne prezentas ian apartenaĵon *gentan*, tion pruvas ne sole la fakto, ke egalmaniere edukitaj homoj el ĉiuj Eŭropaj gentoj havas tute egalajn mensojn, sed tion ankoraŭ pli bone pruvas la komparo ekzemple inter civilizita antikva Egiptujano, civilizita nuntempa Japano kaj civilizita Eŭropano : ili tri apartenas ne sole al malsamaj gentoj, sed eĉ al tute malsamaj rasoj kaj kontinentoj, kaj tamen — se ni apartigos la cirkonstancojn de tempo, loko kaj religio — ĉu la mensoj de tiuj Afrikano, Aziano kaj Eŭropano ne aperos al ni tute egalaj ? Ĉu ekzemple la menso de tute alirasa japana scienculo ne estas la sama, kiel la menso de Eŭropa scienculo, malgraŭ ke ankoraŭ antaŭ 50 jaroj inter la Japanoj kaj Eŭropanoj ekzistis ŝajne kolosa malsameco ? Se unu homa grupo havas aŭ ŝajnas havi iom alian karakteron, ol alia grupo, tio venas ne de ia aparta genta menso, sed nur de apartaj cirkonstancoj, en kiuj la grupo vivas : grupo, edukita en sklaveco, ne povas havi tian kuraĝan kaj liberan teniĝon, kiel grupo, edukita en libereco ; grupo, kiu ne havis la eblon ion lerni, ne povas havi tian larĝan spiritan horizonton, kiel grupo, kiu multe lernis ; grupo, al kiu estas malpermesite havi aliajn laborenspezojn krom komerco, ne povas havi tian karakteron, kiel grupo, kiu ĉiam vivas kun la tero kaj naturo. Ŝanĝu la cirkonstancojn de la grupa vivo, kaj tiam — kion ni jam ofte vidis en la historio — morgaŭ la grupo A havos la karakteron de la grupo B kaj la grupo B la karakteron de la grupo A. Ne, ne ia malsameco de la naturaj mensoj kreas la gentojn kaj la intergentan malamon.

Ĉu ĝin kreas la malsameco de la *deveno* ? Efektive, en la unua momento ŝajnas, ke tio estas la plej ĉefa kaŭzo de la intergenta malamo. Ni scias, ke ĉiu el ni amas « sian sangon », ke ĉiu el ni multe pli amas sian fraton aŭ samfamilianon, ol ĉiun « fremdulon ». La interne altira kaj ekstere forpuŝa apartiĝado de la familioj prezentas ja prototipon de reciproka rilato inter gentoj kaj rasoj, kiuj pro supozo de deveno prezentas ja nenion alian, ol familiojn en pli vasta mezuro. Tamen, kvankam samgentanoj nomas sin « samsanguloj » kaj « fratoj », estas tre facile pruvi, ke la analogio inter familioj kaj gentoj kaj la graveco de la deveno por la intergentaj rilatoj estas nur *ŝajna*. Samfamilianoj scias, ke ilin naskis la samaj gepatroj aŭ la samaj geavoj ; samgentanoj analogie kredas, ke antaŭ multe da centjaroj aŭ miljaroj ilin naskis la samaj pra-praavoj ; sed tiu kredo estas nur *supozo*, kiu estas bazita ekskluzive nur sur la sameco de la lingvo kaj religio kaj kiu en la plimulto da okazoj estas tute malĝusta. Kaŭze de konstanta intermiksiĝado de la popoloj, neniu (krom kelkaj heredaj kastoj, kiel ekzemple la kastoj hindaj aŭ la hebreaj kohenoj kaj levidoj) en la nuna tempo povas scii, al kiu gento apartenis lia prapraavo. Ne sole oni ne povas pruvi, ke ĉiu nuna loĝanto de la tero apartenas al la sama gento, al kiu apartenis liaj malproksimaj praavoj, sed kontraŭe : el tiuj personoj, kiuj *scias* sian devenon (krom la religie fermitaj kastoj), la plimulto scias tute precize, ke iliaj praavoj apartenis *ne* al tiu gento, al kiu ili mem nun apartenas. Kaj tamen ĉu iu povus diri, ke ekzemple la grandaj rusaj verkistoj Karamzin, Puŝkin aŭ Lermontov ne estis puraj, plej puraj rusoj, kvankam iliaj praavoj estis nerusoj ? Ĉiuj paroloj pri deveno kaj hereda sango estas nur frazoj kaj pretekstoj, por pravigi niajn sentojn, kiuj efektive havas tute alian bazon. Ni sentas gentan malamon kontraŭ tiu aŭ alia persono ne pro liaj

# SOCIA VIVO

KONGRESOJ & FESTOJ

## La Universala Raskongreso

La unua universala raskongreso, okazinta de la 26-a ĝis la 29-a de Julio celas la realigon de la idealo tutmonda, al kiu Esperanto jam tiom helpis, t. e. la interfratiĝo kaj la unuiĝo de ĉiuj homoj, sen distingo de rasoj, religioj kaj opinioj. Jen, efektive, kiel la oficialaj paperoj montras la celon de tiu kunveno : « La Kongreso celas diskuti, en la lumo de la scienco kaj la moderna konscienco, la ĝeneralajn rilatojn, kiuj ekzistas inter la popoloj de la Oriento kaj tiuj de la okcidento, inter popoloj nomitaj blankaj kaj tiuj montritaj kiel koloraj, kun deziro kuraĝigi inter ili plenan interkompreniĝon, la plej amikajn sentojn kaj plenkoran interhelpon ».

Kaj, vere, popoloj blankaj kaj ĉiukoloraj sendis al Londono reprezentantojn de la diversaj rasoj por diskuti inter si pri la plej bonaj rimedoj uzotaj estonte por pligrandigi reciprokan fidon kaj respekton inter la Okcidento kaj la Oriento. — Neniu politika, nek nacia, nek eŭropa, nek amerik-eŭropa demandoj estis ekzamenataj, sed nur tiuj, kiuj povos fortigi kaj naski bonajn sentojn ĉe la tuta homaro.

La graveco de la Unua Universala Raskongreso estas malfacile taksebla ; unuafoje kunvenis kun egalaj rajtoj delegitoj de ĉiuj religioj kaj rasoj por konsideri la efektivigon de nova sento, la interkompreniĝon de la tuta homaro, kaj certe unuafoje tiuj diversaj Delegitoj kapablis vidi, ke inter si nur la koloro ne estas sama. Ĉio pruvis, ke la idealoj estas preskaŭ similaj ĉe ĉiuj popoloj, kaj eĉ ke la Blankuloj povas en multaj aferoj rigardi siajn kolorajn fratojn kiel ekzemplon ».

Dum kvar tagoj estis diskutataj ĉirkaŭ kvindek memuaroj, skribitaj de eminentuloj el almenaŭ du dek diversaj landoj, kaj inter kiuj estis kompetentuloj el Ĥinujo, Japanlando, Hindujo, Turkujo, Persujo, Egiptujo, Sud-kaj Orienta Afriko, Haitilando, kaj el la ĉefaj Eŭropaj landoj.

Ĉiuj temoj estis treege interesaj kaj indaj esti konataj de ĉiuj personoj larĝanimaj kaj interesataj en la internaciaj movadoj ; bedaŭrinde estas tro longe priparoli ĉiujn kaj mi citos nur kelkajn el la plej trafaj. D-ro Brajendranath, Indujo, parolante pri la signifo de l'vortoj raso, gento kaj nacio, provis montri, ke la tuta homaro devenas de unu sama unua tipo, kiu en la komenco fondis familion ; ĝi kreskis kaj formis vilaĝojn, poste naciojn, kies ekonomiaj, juraj, sociaj kaj aliaj leĝoj iom post iom ŝanĝiĝis pro la klimato kaj la ĝeneralaj kondiĉoj de la vivo. — Tiu memuaro estis sekvata de diskutado pri la antropologia vidpunkto de la raso, prezentita de D-ro Felix von Luschan el Germanujo ; sociologia vidpunkto de la raso, de Profesoro A. Fouillée, el Francujo ; Problemo pri egaleco de la rasoj de G. Spiller, Anglujo ; Influo de la geografiaj, ekonomiaj kaj politikaj kondiĉoj, de D-ro P. S. Reinsch, Usono ; Diferenco inter la kutimoj kaj moraloj, de Profesoro Giuseppe Sergi, Italujo ; Konstanteco de la diferencoj de la rasaj mensoj ; la ŝanĝiĝemeco de la homaj tipoj ; la klimato kiel kaŭzo de kolora-haŭto ; rezultatoj de edziĝoj inter diversrasaj gentoj ; k.t.p., k.t.p.

Alispecaj temoj ne malpli interesaj estis la historio de specialaj landoj kaj gentoj : Ĥinujo, Japanujo, Turkujo, Persujo, Egiptujo, Hindujo orienta kaj okcidenta, Hungarujo, Rusujo, Haiti, k.t.p. ; la monda situacio de nigruloj, la rasoj de Sud-Afriko, la nigruloj en Ameriko.

Alia serio de diskutoj enhavis demandojn pri religioj kaj ekonomiaj punktoj : la bahaia movado, la hebrea rasa problemo, la influo de misioj, la moderna konscienco rilate al la estrado de popoloj kaj gentoj dependaj, la deviga laborado, la estrado de la kolonioj, k. c.

Sed la ĉefaj temoj priparolitaj estis sugestioj por efektivigi la realigon de interrasa amikeco aŭ frateco. Inter ili aperis demandoj pri la respekto kiun la blankuloj ŝuldas al la aliaj rasoj ; la internaciaj leĝoj, traktatoj, kaj la Haga arbitracia kortumo ; periodaj porpacaj kongresoj ; la jurnalaro kiel ilo de paco, kaj fine demando pri Internacia lingvo.

La memuaro sendita de D-ro Zamenhof estis unu el la plej ŝatataj kaj sukcesplenaj — jen, ĝia enhavo en kelkaj vortoj : « Kio estas la kaŭzo de la malamo de unu popolo al la alia ? Ĝi estas trovita nek en la politikaj kondiĉoj, nek en la ekonomia konkurado, nek en la malsimileco de klimato kaj geografiaj kondiĉoj, nek eĉ en korpaj diferencoj, kiuj distingigas la popolojn.

Malsimilaĵoj de spirito estas okazigitaj de malsimilaj gradoj de edukado, ne de mentaleco ; kaj malsimilaĵoj de deveno estas nur ŝajnaj, tial ke la popoloj havas komunan devenon. La vera kaŭzo de tiu malamo estas la diverseco de la lingvoj kaj de la religioj. — La diverseco de la popoloj kaj ĉiuj iliaj malŝatoj kaj malamoj malaperos nur la tagon, kiam ili havos nur unu lingvon kaj unu religion. Flankelasante la religian demandon, ni povas proponi la sekvantan konkludon : en ĉiuj internaciaj interrilatoj ni devus uzi neŭtralan lingvon, facile lerneblan de ĉiuj kaj apartenantan kun egala rajto al ĉiuj ».

---

supozataj praavoj, sed nur tial, ke li *mem* estas fakte fremda por ni per sia lingvo kaj sia religio. Se la gepatra kaj familia lingvo de iu estas la rusa kaj lia religio estas la rusa (grek-ortodoksa), tiam — kia ajn estus lia deveno, kie ajn li loĝus, kian ajn korpan eksterajon li havus — li men kaj ĉiuj liaj ĉirkaŭantoj vidas en li Ruson. Se, kontraŭe, iu eĉ scias tuta precize, ke liaj praavoj estis puraj Rusoj sed li mem havas lingvon kaj religion ne rusajn, tiam nek li mem nek aliaj nomos lin Ruso. Kompreneble, se iu mem ne naskiĝis kun la lingvo kaj religio de tiu aŭ alia popolo, sed nur poste *akceptis* ilin, tiam liaj propraj gentaj sentoj kaj la rilatoj de aliaj personoj al li ofte ne povas subite per unu fojo ŝanĝiĝi ; sed lia idaro jam plene kaj por ĉiam solviĝas en la dirita gento. Estas kompreneble, ke ju pli malproksime (geografie kaj etnologie) staras la akceptintoj de fremda lingvo kaj religio, des pli malrapide estos la procedo de la solviĝado ; sed la procedo nepre fariĝos, estos nur demando pri la tempo, Se ekzemple en la centra Afriko vivus ia popolo, kiu (ne de hieraŭ, sed jam de cent jaroj, ne en la instruitaj klasoj, sed en la tuta popolo) parolus la lingvon francan (ne kripligitan, sed tute puran) kaj havus tiun saman religion kaj morojn, kiel la plimulto de la metropolaj francoj, — ĉu tiam la francaj naciistoj-ŝovinistoj ne vidus en ili verajn francojn ? Multe pli rapide iras la procedo ĉe pli granda geografia kaj etnologia proksimeco. Ekzemple prezentu al vi, ke hodiaŭ ĉiuj hungaroj forgesis por ĉiam la lingvon hungaran kaj komencis paroli nur la lingvon de la germanoj : ĉu en tia okazo post 30—40 jaroj ekzistus inter ambaŭ gentoj ia diferenco aŭ genta malamo ? Certe ne, ĉar ili por ĉiam fariĝus unu gento. Prezentu al vi, ke hodiaŭ ĉiuj hebreoj decidis forjeti por ĉiam la hebrean religion kaj akceptis la religiojn de la popoloj, kiuj ilin ĉirkaŭas ; ĉu en tia okazo post 30-40 jaroj ekzistus ankoraŭ ia diferenco inter hebreoj kaj ne-hebreoj, ia « hebrea problemo », ia antisemitismo aŭfilosemitismo ? Certe ne, ĉar per la ŝanĝo de la religio la tuta tiel nomata « hebrea raso » por ĉiam malaperus. Sekve ne la malsameco de la deveno, kiu estas nur preteksto, sed ne kaŭzo, kreas la gentojn kaj la intergentan malamon.

(*Daŭrigota*). D-ro L.-L. ZAMENHOF.

La plimulto el la partoprenantoj konsentis pri la utileco de nia lingvo, post kiam dum la vesperaj koncertoj ili aŭdis la diverslandajn samideanojn, membrojn de la kongreso, interparoli esperante pri la kongresaferoj, dum ili mem pro malsamaj lingvoj devis resti mutaj. La malmultaj amikojĉirkaŭ 50 inter 1.500 kongresanoj — faris bonegan kaj utilan propagandon ; amaso da propagandiloj estis disdonataj inter la ĉeestantoj ; esperanta librejo kaj informejo estis malfermita de du el niaj plej sindonaj samideanoj, anoj de U. E. A. F-inoj Laurence kaj Blake, kiuj ne laciĝis donante klarigojn pri Esperanto kaj U. E. A. Specialaj Esperantistaj kunvenoj okazis, propaganda kaj privata, malgraŭ la multegaj malhelpaĵoj okazigitaj de la gesekretarioj de la kongreso, kiuj (preskaŭ solaj!) ne povis aŭ ne volis kompreni la utilon de internacia lingvo por internaciaj kongresoj.

Nur kelkaj neesperantistoj partoprenis la kunvenojn, sed ĉiuj fariĝis eksamideanoj, kaj inter ili diversaj nigruloj kaj hindoj, kiuj kredeble ĉeestos nian kongreson en Antverpeno. — Laŭ la propono de S-ro Hermant el Parizo, estis decidate verki rezolucion submetotan al la komitato por ke estonte Esperanto estu akceptata kiel oficiala lingvo de la kongreso. Tiu petskribo estis subskribata de delegitoj el diversaj landoj, inter kiuj estas eminentuloj kiel nia samideano senatano Lafontaine el Belgujo, kolonelo Pollen, generalo Legitime, eks-prezidanto de Haiti, Hadji Mirza Yahya el Teheran (Persujo), k.t.p. (mi forgesis la aliajn nomojn bedaŭrinde). — Dum la afera kunveno kongresa, ne estis eble diskuti pri nia propono, sed estis promesate, ke la komitato elektota por la dua raskongreso ĝin konsideros tre atente kaj senpartie. Mi povas aldoni, ke la elpensinto de la kongreso, S-ro Adler, profesoro ĉe la Colombia Universato en New-York, la kongresa prezidinto Lordo Weardale kaj aliaj komitatanoj estas tre favoraj al nia ideo kaj promesis subteni nian peton.

La lasta kunveno de la kongreso, dum kiu okazis la priparolado de la Majstra memuaro, estis la plej interesa, laŭ esperantista vidpunkto. — Dek ok samideanoj el diversaj nacioj intencis paroli, sed pro ia ajn kaŭzo (legu : pro malfervoro de la sekretario), la listo de la parolantoj perdiĝis, kaj nur D-ro Pollen, S-roj W. Mann (Londono), Hermant (Parizo), Hungara samideano kaj tri aŭ kvar aliaj povis paroli, post la kunvena prezidantino, S-ino Bryant, kiu en sia malferma parolado tre laŭde pritraktis la temon « Esperanto ». Neniu parolis kontraŭ Esperanto. La propagando nia estis do bonega kaj fruktodona ! Ni esperu, ke anstataŭ uzi diversajn lingvojn, ĉe la dua rasa kongreso nur Esperanto estos parolata.

P. Blaise (Londono).

KOMERCO

## La kooperativa movado en Rumanujo

Ekzamenante la rezultatojn de la kooperativa movado en Rumanujo, depost la fondo de la centra kaso de kooperativoj (1903) ĝis fino de l'jaro 1909, oni konstatis konstantan progreson.

Vere, dum je la 1a de septembro 1902 ekzistis apenaŭ 700 popolaj kooperativaj bankoj, kiuj ludas la ĉefan rolon en la rumana kooperativismo, kun 59618 membroj kaj 4.250.000 leoj kiel socia kapitalo, je fino de decembro 1909 troviĝis 2.543 tiaj bankoj kun 402.938 membroj, inter kiuj 366418 estis plugistoj kaj la resto, metiistoj, oficistoj kaj malgrandaj komercistoj — kaj kun kapitalo da 19.613.584 Sm. apartenanta plimulte al la membroj, kiuj deponis malgrandajn sumojn inter 80 — 200 Sm.

Sole, nur dum la jaro 1909, la nombro de tiuj bankoj, rilate al tiu de l'antaŭa jaro, plimultiĝis per 133 kun 56231 membroj kaj 4.800.000 Sm. da socia kapitalo.

Je fino de decembro 1909, la dispona kapitalo superis 28.000.000 Sm. enkalkulante krom la alportita kapitalo ankaŭ la rezervofondojn (1.642.084 Sm.) la dividendojn (1.487.972 sm) la deponaĵojn (3.464.232 Sm.) kaj aliajn fondojn.

Dum tiu jaro (1909) ĉiuj tiuj bankoj faris 534.514 pruntedon ajn operaciojn, precipe al la membroj, kiujn ili uzis pli multe por aĉeto de brutoj, terkulturiloj, k. c.

Bonan helpon donas al tiuj kvoperativaj bankoj la Centra Kaso de la kooperativoj fondita en 1903, kiu celas la fortigon de ili kaj malestigon de tiuj, kiuj ne respondas ilian celon. Ĝi pruntis dum la jaro 1905 el sia fondo 1013 popolajn bankojn.

La kooperativoj por farmado, kiuj dum 1903, dato de ilia fondo, ekzistis nur 8 kaj kulturis 4.940 h. a. ; en junio 1910 ilia nombro estis 308 kun 47.450 membroj kaj kulturis 209 650 k. a.

La kooperativoj por konsumado ne donis la deziritajn fruktojn pro la nebona organizado kaj administrado. Tial je la fino de 1909 ekzistis nur 186 kooperativaj konsummagazenoj kun kapitalo da 512.000 Sm. kaj disvendis dum tiu jaro komercaĵojn por 1.720.000 Sm. Ekzistis krom tio, je la sama epoko, 69 abstinencaj societoj kiuj celas malplimultigi la konsumadon de alkoholo. La koop, por laktvendado, kvankam tre utilaj, tamen ne povas sukcesi pro la malfacila administrado, ĉar ne havis sufiĉe kompetentajn personojn tiucele. Je fino de 1909 apenaŭ ekzistis 8 tiaj kooperativoj kun 412 membroj.

Tiuj por ekspluatado de arbaroj en nombro nur de 40 kun 1600 membroj tre bone sukcesas. Ekzistis, tiam, ankaŭ 15 kooperativaj panejoj kun 769 membroj kaj 18.640 Sm. da kapitalo, 11 legomejoj kun 504 membroj kaj 16.600 Sm ; 12 por ekspluatado de agrikulturaj maŝiuoj kaj 14 aliaj diversaj.

Tia estas la stato de la kooperativismo en Rumanujo ; ĝi, esperebIe, en mallonga tempo multe pli prosperos ĉar nun la ideo de kooperativismo apenaŭ ekradikiĝas en la popolo.

Em. I. Nicolau. (Del. Bukarest.)

GEOGRAFIO

## Lago Balaton

Kiu volonte pliriĉigas la spiriton je akirado de vojaĝaj spertoj, kiu volonte plivigligas ĝin je novaj impresoj kaj koloroj, tiu volonte vizitos la lokojn, kie diino Naturo pli malavare disdonis siajn trezorojn, ol aliloke, inter kiuj lokoj ne estas tute lasta la bonfama regiono de Balaton en bela Hungarlando.

Antaŭ kelkaj jaroj ĝi ne havis fervojon ; tamen oni vizitis po dekmil. Neniu reklamis ĝin ĉar laŭ la hungara proverbo « Bona vino ne bezonas elpendaĵon » tamen vizitis ĝin ankaŭ fremdlandanoj je bela nombro. De post la apero de l'Balatona fervojo en 1909 ĉi tiu nombro jam duobliĝis.

La Balaton estas la plej granda lago de Hungarlando. Ĝia suprajo estas 690 km-2, kaj krom la nordlandaj lagoj (Ladoga, Onega, Wenern, Pejpus, Ilmen) ĝi estas la plej granda en Eŭropo. Ĝia regiono estas nominda ankaŭ pro tio, ĉar ĝi produktas la faman vinon de Somlo kaj de Bordacsony, kiuj staras nur iomete pli malalte ol la mondfama vino de Tokaj.

La formo de l'lago estas longeta, la nordflankon disduigas la duoninsulo de Tihany. Sur la supro de l'lago tuŝas unu la alian limlinioj de tri departementoj : Somogy, Zala kaj Veszprém. La lago mem estas posedaĵo de la bordaj bienuloj. La somogy-a bordo estas ebeno, la veszprem-a kaj zala-a bordo estas riĉeta en montoj kaj valoj. Fierege ĉi tie leviĝas la montetoj portantaj la rememoraĵojn de l'heroaj epokoj : Badacsony, Csobanc, Tatika, Somlo, Szigliget kun pentrindaj ruinoj de l'antaŭaj fortikaĵoj La deklivoj estas nun lerte aranĝitaj, paradizbelaj vinberĝardenoj kaj someraj refreŝiĝejoj, kie ozonriĉa aero kaj malvarmeta ombro atendas la deziranton de ripozo, kaj fajrega vino rekompencas la laciĝon de l'lerta kaj laborema bienulo. Norde etendiĝas la arbaroj de l'Monto Bakony eksnesto de l'rabist-romantiko ; hodiaŭ ĝi estas tre senbrua loko, loĝejo de pacemaj hakistoj aŭ terkulturistoj, kaj tre amita ekskursloko de l'lagbordaj banejgastoj. Efektive la bordo de Balatono havas multajn

banejojn. La plej malnova kaj plej granda estas inter ili Balatonfüred, renkontejo amita jam antaŭ centjaro de l'eminentuloj de la hungara politika, socia kaj kultura vivo. Nur iomete malpli signifaj estas banejoj Almadi, Keneŝe, Szantod, Boglar, Ŝiofok. Keszthely antaŭa centro de la literatura vivo altiras nun multon da gastoj per la specialajo unika en Hungarlando, ke en la gastejoj servas al la gastoj aŭdantoj de ĉeflernejoj dum la tuta somera sezono, kiel kelneroj.

Per ĉi tiu surprizanta reformo oni helpas la studentojn, kiuj ne havas sufiĉe da mono por pludaŭrigi siajn kursojn. La aŭdantoj de l'universitatoj, kiuj vivas inter pli malfacilaj cirkonstantoj, povas akiri dum la somera libertempo monsumon, por ke ili estu liberigataj de l'materiaj zorgoj almenaŭ parte dum la labortempo, kaj povu pli bone plenumi siajn taskojn.

Kompreneble ili servas inkognite. Ilia nomo estas nur litero de alfabeto. La plej unua studentkelnero kuracis! Kandidato S-ro K. komencis sian praktikon je la komenco de junio Ili estas al la publiko jam pro sia pli alta inteligento — servemaj kaj ĝentilaj; reciproke ankaŭ la publiko honoras ilian noblan klopodon. Sur la muroj informas la publikon tabuloj grandliteraj : « Oni ne donas trinkmonon! Servadas ĉeflernejaj studentoj ! ».

Ekzistas lageto alia proksime Keszthely : Héviz (Varmakvo), kies akvo estas ĉiam 28° R. Jare post jare multe da homoj retrovas en ĝi la perditan sanecon. Veninte de Budapest oni ekvidas la Balatonon el la fenestro de vagono post la stacio Akaratya, sed ĝi baldaŭ malaperos, ĉar la vagonaro trakuras interfositajon de profundo 17 m. Trairinte oni maltrafas antaŭ la okuloj la Balatonon dum vojaĝo de 80 km. nur unu fojon, kiam oni trairas tunelon 95 metran. La akvospegulego grandega ŝajnas kvazaŭ senfina. La zalaaj montoj el la malproksimeco afable ĝin formas, dum en la ĉi tiea flanko la tihanya duoninsulo vidiĝas neatingeble bela panoramo. Supre, sur la supro de l'monto la preĝejo pli aĝa ol duonmiljara de l'abatejo Tihany malsupre la spegulego de Balaton, meze grandega brodita tapiŝo kun multkoloraj floroj.

Kiu ne aŭdis pri la tihanya eĥo ? La homan voĉon dusilaban ĝi redonas mirinde klare deksepfoje. Ĝi estas natura fenomeno tiel interesinda, ke ĝi devigas plejmulton da homoj al miro.

Sur la Balaton-bordo estas eĉ la stacidomoj malsimilaj ol la aliaj stacidomoj. Ili estas konstruitaj en pentrinda hungara stilo. S-ro Vasdinnyey Pal inĝeniero de la reĝaj hungaraj ŝtatfervojoj desegnis ilian planon, kaj oni povas diri, ke nenie same belaj stacidomoj povas troviĝi. Eble pli poste mi priskribos ilin al nia legantaro. Kiam la vagonaro forlasis stacion Almadi la vilaĝoj ĉe la fervojlinio atingas unu la alian. Vinberriĉaj montoj, arbaraj montetoj, ombraj valoj, riveretoj de kristala akvo sekvas unu la alian. La panoramo de la golfeto de Tomaj restas por ĉiam ne forgesebla.

La belecon de l'Batalono atingas nur ĝia riĉeco. Multego da fiŝoj enloĝas. Estas plej kara kaj bona inter ili la perĉo, kiu atingas iam ankaŭ la 10 kilogramojn, ĝia viando estas treege bona, oni liveras multe da ĝi eksterlanden. Estas en la Balatono ankoraŭ alia fiŝo : t. n. « garda » aŭ haringo de Balaton. Ĝi havas neprofundan akvon eĉ ĉe la orientaj bordoj ĝi nur ie atingas la 1 1/2 metrojn. La akvo de Balatono estas laŭ la opinio de l'mondfamai kuracistoj samefika kiel la marbanejoj, ĉar ĝis estas de minerala, salita akvo, ĝia ondbatalo estas precipe ĉe la suda bordo sufiĉe forta kaj tute sistema, la akvo estas somere 22-23° R.

La Balatono estas belega ankaŭ vintre. Tiam ne naĝadas sur ĝi fiŝkaptaj ŝipetoj, ne naĝas vaporŝipoj. La akvo estas kovrita je glacio, kaj la alia bordo malaperas en la nebulo. Tamen se la suno ekbrilegas kaj malaperos la nebulo ne ekzistas pentristo kiu povus pentri la koloron, kiun montras la glacio de la Balatono. Oni imagu tabulon de perlamoto longan 80 km., kaj larĝan 7-8 km., aŭ tabulon de belfajra nobla opalo : same estas la spegulo glacia de Balatono.

Somere se atingas kaj tuŝas ĝin ventego ĝi estas same grandioza, same terure bela, kiel la oceano, mem kaj la patriota hungaro, kiu volonte nomas la Balatonon « hungara maro » fierege diras :

Ĝi estas vere maro, kvankam malgranda maro.

Elisabeto Ferencz. (Miskolc).

IDEOJ & FAKTOJ

## Kelkaj vortoj pri teosofio. — II

*La Frateco.* — Kompreni kaj praktiki la homan interfratiĝon estas la revo de la nuna tempo, tio estas la kondiĉo mem de la progreso kaj de la homara feliĉo.

La interfratiĝo estas ne nur kora aspiro, religia ordono, sed socia necesaĵo. Sed, nek la dogmara potenco, nek la leĝara devigo sukcesis kaj sukcesas por ĝin praktikigi. Ni kontatas la elĉeniĝon de ĉiuj malamoj, dum la vortoj de solidareco kaj frateco estas sur ĉiuj lipoj. La Frateco estas ideo, kies efektivigado estas viveca necesaĵo sed ĝi realiĝos nur per la libera konsento de la Racio, helpata de la intuitiva forto de la koro. Teosofio faras alvokon al unu kaj al alia ; ĝi formulas la fundamentajn leĝojn de l'evoluado, kiuj pruvas tiun realan Fratecon kaj lumkonigas la absolutan Justecon, vualitan de la malkvietiga neegaleco de la homaj destinoj.

*La leĝo de l'Unueco.* — Tiu leĝo starigas la devenon kaj la finon komunajn de ĉiuj estaĵoj. Niaj korpoj konsistas el samaj ĥemiaj elementoj ; la samaj pasioj nin agitas, la sama intelekta lumo instruas nin, kaj, ĉe la plej bona parto de nia koro, oni malkovras la samajn batojn de amo kaj kompato. Oni do facile komprenas la Teosofian doktrinon, kiam ĝi prezentas la homon kiel dian ĝermon entenantan, latente kiel ĉiu ĝermo, ĉiujn eblaĵojn de sia Kreinto. Tiu ĝermo estis semita en la mondo, por ke ĝi malvolviĝu, kaj ke de la stato animala, egoista, kaj senkona, ĝi grade progresu ĝis la malproksima limo de sia evoluado : la Dia Saĝeco..

*La Reenkorpiĝo.* — La vivo prezentas al ni tri hipotezojn :

1e En ĝi ne estas difinita plano, kaj ni vivas kaj mortas laŭhazarde de nia sorto.

2e Hipotezo de kapricema Dio, kiu naskigas unu homon tie, alian tie-ĉi, laŭ sia bontrovo.

3e Hipotezo de la Reenkorpiĝo, laŭ kiu la homo posedas senmortan animon kaj momentdaŭran korpon. Tio kion ni nomas vivo estas nur tago en la vivo pli reala kaj pli alta de la animo. La homo vekiĝas al la vivo por lerni sian tagan lecionon ; kiam li estas laca, li ripozas en mortdormado. Multe multefoje, li revenas teren por lerni novajn lecionojn kaj por akiri novajn, pli altajn virtojn, tia estas la evoluada leĝo. Ni do komprenas, ke la malmulte evoluintaj animoj similas la infanojn de elementa kurso, ili ne devas esti konsiderataj kiel malbonaj, aŭ malfruiĝintaj, sed kiel animoj de fratoj pli junaj.

La reenkorpiĝo restarigas la realecon de la Dia justeco kaj de la homa progreso. Ĝi estas, vere, la sola hipotezo, kiu pravigas la potencon kaj la amon de Dio : ĝi do estas konsiderinda plej grandatente.

*La Karma'o.* — La leĝo de kaŭzeco, nomita karma'o de la Teosofianoj, lumvidigas la konservadon de l'energio sub ĉiuj ĝiaj formoj, la mentalaj tiel fidele kiel la fizikaj; ĝi instruas la homon, ke li memorganizas sian personan destinon, ke li vivas ĝuste la vivon, kiun li mempreparis, ke li ne devas do konsideri, malame kaj blasfemante, la spektaklon de la senegaleco de la riĉeco, de la intelekto kaj de la kapabloj. Efektive, la bonviva homo, kiu elportas penojn, depagas nun la ŝuldojn de pasinta vivo, dum krimulo, kiu prosperas, nun ekpreparas al si ŝuldaron por estontaj vivoj, kaj al li prezentiĝos suferigaj, postaj pagdatoj.

Aliesprime, homo rikoltas sian semitajon. Kiel aplikadon de la kaŭzeca leĝo ni trovas, ke la aspiradoj kaj la deziroj

naskas la emojn. La klopodoj de la Volo kaŭzas la agojn. La ripetitaj eksperimentoj kondukas al la Saĝeco. La dolorigaj eksperimentoj plivastigas la konciencon.

*La Majstroj.* — Estas kelkaj altaj Estaĵoj, samrasaj kiel la nia, kiuj, fininte sian homan evoluadon, formas fratan Asocion. Tiu Asocio celas gvidi kaj rapidigi la malvolviĝadon de nia raso. Tiuj altaj Estaĵoj, la Majstroj, enkorpiĝas memvole, en homan korpon, kaj tiamaniere starigas ponton inter la homo kaj la superhomo; ili ebligas al tiuj, kiuj plenumas specialajn, difinitajn kondiĉojn, fariĝi iliaj disciploj por rapidigi sian evoluadon kaj sin prepari al enirado en tiun altan Asocion.

Oni povas, proprasperte, konvinkiĝi pri la ekzistado de la majstroj per la pureco de la agoj kaj de la pensoj, per la pieco al Dio, per sindono al la homoj, per aspirado al alta idealo, kaj senĉesa penado por akiri la scion.

Kelkaj el la Teosofoj estas trovintaj la Majstrojn; aliaj povas ankaŭ aliri ilin. La Majstroj de la Saĝeco, kiuj estas membroj de la hierarkio, kiu regas la mondon, mem nomiĝas la unuenaskitaj fratoj de la homaro. Tiuj altaj instruantoj bezonas disciplojn vivantajn surtere, kaj kapablajn konsoli la suferantojn kaj vidigi la lumon al la spiritoj enigitaj en la mallumon.

*La vojo de la disciplino.* — Jen la oraj ŝtupoj, kiuj kondukas la instruaton al la templo de la Saĝeco:

Pura vivo, sana mentalo, pura koro, agema intelekto, klara spiritualista percepto, frata amo al siaj kunstudantoj, konstanta deziro doni kaj ricevi konsilojn kaj instruadon, firma sintenado antaŭ la maljustaĵoj al ni persone faritaj, kuraĝa defendo por tiuj, kiuj estas maljuste atakitaj, kaj konstanta penso al idealo de progreso kaj perfektiĝado, kiun scienco montras al la homo.

*La agado de la pioniroj.* — Estas homaj estaĵoj, kiuj ne volas surmarŝi la jam trairitajn vojojn, la kampojn ekkulturitajn per la laboro kaj la penadoj de aliularo. Ili postulas la rajton sin ĵeti mezen de la milito; ili sentas plezuron, memfarante al si la vojon inter la dornarbetaĵoj, kaj sin starigi kontraŭ la malfacilaĵoj, por ke la postvenontoj renkontu malpli da penadoj kaj da superotaj danĝeroj. Tio estas la pionira spirito: tio estas ankaŭ la privilegio, ofte pene aĉetita, por prepari estontajn kunlaborantojn. Estas nenia pli bela aspirado, nenia pli supera idealo por pli alten levi la homon. Estas nenia espero pli disradianta ol tiu, kiu inspiras la plenfirman decidon labori por la horo, kiu ne ankoraŭ eksonis. Trad. S-ino Diou-Trouillon (Paris)

*Prezidantino de la Teosofia Esperantista Ligo.*

## La Poŝtaj Kredileteroj en Germanujo

La imperia poŝtadministracio germana intencas eldoni poŝtajn kreditleterojn. Pri tiu grava novaĵo mi povas doni informojn:

La poŝto jam de longe rimarkinde kreskinta super sia unua destino kiel transporta institucio okupiĝas, kiel oni scias, kvazaŭ banko, ankaŭ pri plenumo de komisioj koncerne havigon de mono. — Per interŝanĝo de poŝtmandatoj efektiviĝas nura transportado de mono, dum la poŝtaj repagoj kaj komisioj prezentas enkasigan praktikadon, kies jara amplekso sumiĝas je centoj da milionoj. Per la moderna enkonduko de poŝtĉekoj la germana poŝto (imitante la sistemon de « Clearing-House » uzatan de la ĉefbankoj) propriĝis al si la principon limigi la rondiradon de kontanta mono por eviti malprofiton je procentoj. La plej freŝa akiraĵo sur tiu kampo fariĝos la intencata enkonduko de poŝtaj kreditleteroj.

La poŝtaj kreditleteroj celas plifacili al la publiko la havigon de mono ekstere de la propra sidejo, afero speciale interesa por turistoj. Ne ĉiu povas aŭ intencas okupi la peron de banka instituto por ĉiumomente disponi pri la bezonata sumo da mono kontanta. Ankoraŭ pli ĝene estas konstante kunporti grandajn monsumojn kaj ankaŭ ne rekomendinde laŭ komerca vidpunkto tial ke konstanta mono nebezone kunportata kaŭzas malprofiton je procentoj. El tia embaraso ekzistis ĝis nun elturniĝo per la uzado de poŝtmandatoj: Oni pagis poŝtmandate en la propra sidejo la bezonotajn sumojn kiujn oni adresis « poŝtrestante » al si mem je ĉiuj intencataj dum vojaĝaj haltejoj. La poŝto puŝis ja antaŭen siajn aranĝojn eĉ ĝis la plej malproksimaj someraj refreŝiĝejoj kaj montaraj loketoj kien ordinare ne atingas la negocaj rilatoj de bankaj instituloj; ĉiuokaze la uzado de poŝtmandatoj alportas kelkajn maloportunaĵojn kiuj sentiĝas precipe ĉe neatenditaj ŝanĝoj de vojaĝa projekto; maltrafinta unu el la intencitaj dumvojaĝaj haltejoj oni devas postsendigi al si la poŝtmandatojn. Per tio ĉiam tempoperdo estas kaŭzata, ĉar dezirante ekzemple postsendon telegrafan oni devas ofte sin legitimi plej detale. Se mankas la tempo atendi la postsendon povas okazi, ke la poŝtmandatoj dum semajnoj kuradas post la adresitoj sen eblo ilin atingi. Ĉi ĉiuj maloportunaĵoj estas finiĝontaj per la nova aranĝo de poŝtaj kreditleteroj. Oni nun simple pagos ĉe la poŝtejo de sia sidejo la tutan porvojaĝan sumon, ricevos poŝtan kreditleteron kaj per tiu rajtas pagigi al si ĉe ĉiu germana poŝtejo la ĉiufoje bezonotan sumon, ĝis kiam la kredithavo estas elĉerpita.

La germana poŝto sekvas per tiu projekto la ekzemplon de Italujo, la elektita lando de turismo kie plej brile praviĝis la sistemo de poŝtaj kreditleteroj jam de jarcentoj.

Pri la teknika praktikado de tiu procedo decidoj en Germanujo ne estas ankoraŭ faritaj. Ĉiuokaze estus dezirinde, ke ĉi tiun fojon estu evitataj ĉiuj formalaj detalaĵoj, por ke en la lasta fino la praktika celo ne estu neniigata per « burokratismo. »

Post kiam Italujo kaj Germanujo faris tiun gravan paŝon antaŭen, restas nur esperinde, ke ankaŭ la Universala Poŝta Unuiĝo allasos la novan sistemon de poŝtaj kreditleteroj, por ke la tutmonda turistaro profitu tiun aranĝon dum vojaĝoj eksterlanden. F. Pillath, Del. Essen.

MONDLITERATURO

## La Majstro Galdos

Se literaturo estas fidela esprimo de l'spirito de popolo, oni povas diri, ke la verkaro de S-ro Benito Pérez Galdos estas la plena bildo de la ĉi tiuepoka Hispanujo, kie la fama aŭtoro jam longe staras kvazaŭ nacia institucio.

Viro simplamaniera, kvieta kaj laborema, ĉiam observanta kaj amasiganta en sian fidelan memoron ĉiajn informajn materialojn, S-ro Galdos estas silentema kaj tiel kutimiĝis al skribado, ke li legas aŭ eĉ legigas siajn diskursojn, de kiam antaŭ kelkaj jaroj, duone aŭ pli ĝuste kvarone forlasante la ombrajn lokojn de la beletristiko, li sin ĵetis kuraĝe al la kampo de la politiko, por kunlabori aktore al tiu patrolanda Historio, kiun tiel konstante, entuziasme kaj talente li prezentas al la mirigitaj legantoj en tia vasta kaj elektita biblioteko, kia estas lia verkaro.

Tiu ĉi konsistas el: Sep « Romanoj de la unua epoko »; dudek-du « Nuntempaj hispanaj romanoj »; Dektri « Dramoj kaj Komedioj »; Diversaj verkoj: « Akademiaj diskursoj; Memorindaĵoj kaj fine « Naciaj Epizodoj », en kvin serioj po dek romanoj: sume kvardekkvar ĝis nun. Entute 89 volumoj. Tia « Dumas'a » abundeco ne difektas la kvaliton, ĉar S-ro Galdos estas kalkulata inter la klasikaj majstroj de la lingvo; lia inspiro ne malfortiĝas de la unua produktaĵo ĝis la lasta, kvankam la kurado de ĉiu astro prezentas leviĝon, vertiĝon kaj subiron: Lucifero kaj Vespero estas unu sama stelo. Alia jam mortinta aŭtoro, Genero Alas (Clarin), kritikisto kun neduba gusto kaj trafa juĝkapablo, konsideris Galdos kiel ĉefon de la hispana « naturalista » skolo. Sed tiu « Naturalismo » ne estas sistemo: ĝi efikas kiel inteligenta spegulo.

Ĉe la « Naciaj Epizodoj » estas rakontata la moderna historio de Hispanujo sub alloga formo de romanoj, laŭ maniero, kiu devas iel rememorigi tiujn de Erckmann-Chatrian kaj de Jules Verne. La imagpovo de la aŭtoro kaj lia diventalento por eniri ĉe la sekretajn pensojn de siaj personoj kaj heroojn, ne malutilas la historian verecon. Lerte miksiĝas la faktoj efektivaj kaj tiuj elpensitaj : eĉ ne forestas la fabelo, ĉar ne malfote aperas alegoriaj estaĵoj, eĉ antikvaj diaĵoj, dank'al ia halucinado de la supozita rakontanto. Eble oni povas vidi ĉe tiu rimedo rezultaton de memobservado, kvankam ĉe la aŭtoro mem ĝi estas nur, kiel ĉe Balzac, la artista kapablo per kiu li vivigas siajn pensojn.

La Naciaj Epizodoj komencas per « Trafalgar », kaj kondukas nin per la jus aperinta « La Unua Respubliko » ĉe la jaron 1873. Tito Liviano, kredeble la latina historiisto metempsikoze hispaniĝinta, rakontas al ni, kion li vidas dum tiu stranga epoko. Tie estas la restaĵoj el la antaŭa regado kaj la novaj regantoj, pli sanintencaj por la patruja bono ol spertaj ĉe la publikaj aferoj. Jen partioj, sen radikoj en la popolo ; jen naciaj militanoj, « lakŝtopitaj boteloj », tiel nomitaj pro la ruĝa ĉapo kaj verda vestaro, kiuj bruas kaj paradas bonfide kaj konvinkite ; ministraroj, kiuj preterpasas kinematografe, prezidantoj preskaŭ tiel efemeraj, k. c., dum komenciĝas la karlista ribelo. De Madrido ni iras al Cartageno (Kartago-Nova) ĉeesti la « Kantonan » aventuron.

Jen laŭ S-ro Estévanez, la priskribo de S-ro Estanislao Figueras, unua Prezidanto de la Respubliko, kiu ian belan tagon malaperis el Madrido, kaj du tagojn poste reaperis en Biarritz :

« S-ro Estanislao estas la viro plej malavara kaj bona el la mondo. Ĉe li oni ne admiras nur la pasivan virton, kiu konsistas en tio, ne fari malbonon. En lia koro brulas la sento bonfara en grado plej elmontrema... Li praktikas la kristanan principon en ĝia tuta pureco, malatentante absolute la liturgion ; el tio rezultas, de la bigota vidpunkto, ia malpia anĝelo, aŭ antiklerikala sanktulo... Lia edzino, S-ino Josefa Madrignac, estis bonega modelo de edzinoj, modelo ankaŭ de modesteco kaj simplanimeco. Ŝi amis dolĉkore sian edzon, kaj la diferenco de religiaj ideoj ne malgrandigis tiun amon. Ŝia bigotemo kaj mistikemo instigis ŝin klopodi, ke ŝia edzo, altigita al prezidanteco de la Respubliko, lasu en paco la religiajn personojn kaj korporaciojn. Sed Figueras sin montris obstina. Laciĝinte la anĝela Sinjorino sermonadi sian herezan edzon, kaj ne povante pro sia surdeco, ekscii la motivojn, kiujn tiu ĉi prezentis al ŝi, ŝi skribis al li leteretojn dolĉajn, amajn, ensorbigitajn je pieco, kaj zorge ŝi metis ilin en la poŝojn de la redingoto aŭ en internon de la tubĉapelo... Okazis, ke en Ministrara kunveno oni decidis la forbejmigon de kelkaj monaĥinoj, kaj tiu decido estis subtenata de Figueras kun lia tuta energio. La sekvintan semajnon, Figueras sin montras domaĝanta la malutilon, kiun oni estas kaŭzonta al la malfeliĉetaj religiulinoj. Pi Margall, kiu estas malkovrinta lian ludon, ridetas dirante : Nu ! Estanislao, vi jam ricevis leterojn de la familio. Ĉu vi permesas, ke mi esploru la poŝojn de via redingoto ? Tiun saman tagon, kiam li ekiris el la *blua benko* (parlamenta ministrara sidejo), falis el la tubĉapelo leteretо. Ĝenerala ridetado ĉe la tuta ministraro. »

Post la forkuro de tiu ĉi bonulo, fariĝis prezidanto S-ro Francisco Pi Margall, viro je eksterordinara kapablo, marmoraspekta, servermora, logikema, ne malamiko de ŝerco, kaj profunde bonkora : el lia potenca apostola kapo eliris tute armita la « federalismo », kiu estas ĉe li kvazaŭ «mono» — sistemo politika kaj socia, elementa kaj universala, kiel konscia praktikado de la naturaj leĝoj de l'evolucio, sed kies senkonscia apliko kaŭzis la ribelon de la « Cartagena Kantono ». Estas agrabla konstato, ke Pi Margall verkis pri Esperanto propagandan artikolon, represigitan lastatempe de kelkaj ĵurnaloj, kaj super ĉio, ke tiu eminentulo sin ne limigis al konsilo, sed ke en maljuna aĝo li mem lernis kaj eĉ instruis Esperanton : jen kiel mi havas la nemerititan honoron esti lia posteulo, kiel profesoro de unu el liaj tiamaj lernantoj, advokato kaj kandidato al la Deputataro.

Poste fariĝas Prezidanto S-ro Salmeron la filozofo, moderna Demosteno laŭ paroltalento, altpensa, abstrakta, nevenkeble logika, kiu ne nur alportis al Parlamento kaj al popolaj kunvenoj sian Katedron de la Centra Universitato, sed ankaŭ praktikadis siajn principojn tiel ĉe sia privata kiel ĉe sia publika vivado, kun tiom da konvinko, ke li forlasas la prezidantecon, ne volante subskribi sentencojn de kondamnoj al mortpuno.

Lin anstataŭis Castelar, poeto en prozo, muzika oratoro, ia Beethoven de la Elokvento, kies ĉefaj diskursoj estis kvazaŭ teatra okazintaĵo : ni kredeble aŭdos lin ĉe la sekvonta volumo. Tiuj eminentaj spiritoj pruvas, ke ne ĉiam ili taŭgas por la agado.

Alia interesa persono estas S-ro Nicolas Estévanez, ankoraŭ vivanta, neŝanceleblа en siaj konvinkoj. Ne imitebla kaj spritplena rakontanto, li mem diras kiel la Madridaj gazetoj eksciigis al li mem liajn proprajn heroaĵojn en Sierra Morena kaj tiujn de lia « armeo », vera akordiono da mil ĝis dekdu homoj.

Mi citos priskribon de duavicaj personoj el la romano : Candelaria (Kandelarja) kaj ŝia edzo Rufo. Ŝi estis ne malbela virino, meztalenta verkistino kun radikalaj ideoj.

Diras Tito : « Ne partoprenante la patrinan optimismon, mi vidis ĉe *Penelope* (framasona nomo de Candelaria) ion neordinaran, kiu ŝvebis super ŝiaj strangaĵoj, super ŝia musa malkvieteco, ŝia malbona prozo, ŝiaj versoj kun ŝtopigaj vortoj kaj lamaj. Kio plaĉis al mi estis ŝia kuraĝo, ŝia malŝato kontraŭ la nuna socia stato, kaj la senhonto iel gracia, kun kiu ŝi prezentis le vizaĝon frunte al la mokoj kaj ŝercoj de la ceteraj sinjorinoj kaj eĉ de multaj viroj. Ŝia prozo, malpli malbone : kvankam disa, teksita el vulgaraĵoj, ĝi lasis sin esti legata. Ĝiaj alvokoj sonorilbataj, kaj ĝiaj finaj kanonpafoj celis la emocion de la naiva leganto kaj kontentige ĝin trafis.

Ĉarmis min ŝia beleta dentaro, la fosaĵetoj de ŝiaj vangoj, ŝiaj nigraj okuloj, la allogeco aŭ altirpovo, kiu en ŝiaj sentpika vizaĝo korektis aŭ finĉizis la duban belformecon.

Mi plenigos la portreton de Candelaria per psikologiaj pentriltuŝoj.

Ŝi estis iomete vanta, malpezakapa kaj bonkora. Nur unu malamika sento maligis la kvietecon de ŝia karaktero. Ŝi simple malamis sian edzon, kiun ŝi konsideris la plej vulgara el la homoj, mastrineca, ĉion-flara, fermita kontraŭ ĉia poezio kaj ĉia literaturo... Li ŝajnis al mi sensignifa, enblovita per tromemfido, ne sukcesanta per sia ŝvela rigideco maski sian grasdikan vulgarecon. Li estis malalta dikuleto, graseca ; li pentris siajn lipharojn, laŭdire, per la fulgo de la pato, kaj lia blankhariĝinta kapo estis grandampleksa pro la granda kvanto da kungluita ŝtopo, kiun ĝi enhavis. Li parolis peneme, kvazaŭ li premas la ideojn, kaj el liaj lipoj eliris malviglaj kaj malrapidaj la vortoj kvazaŭ gutoj de oleo. Kutimiĝinte la dormemon de la ŝtatoficejoj, li povsciis nur kunligi kaj malligi la dokumentajn amasaĉojn. Inter la diversaj roloj, kiujn la societo disdonas por la prezentado de la homa komedio, S-ro Rufo elektis la plej alĝustigitan al sia malplena vertaĵo, la rolon de *serioza viro*, kaj li ĝin plenumis konkurante kun la plej certkonataj limŝtonoj.

La ridinda oficisto mokis stulte sian edzinon, kiu kvankam ne posedante esceptajn kapablojn, estis apud tia malspritulaĉo mirindaĵo de la naturo.

Meritus citon Graziella, gracia kaj facilmora libelo, kaj aliaj interesaj kreitaĵoj. Tie aperas iu S-ro Ido, kiu havas nenian rilaton al nia konata « amiko ».

Nun ni atendas « De Kartago al Sagunto » je la fino de tiu ĉi jaro, kaj « Canovas » en 1912, sesa volumo de la fina serio de la « Naciaj Epizodoj ». Sanon kaj forton havu la Majstro por konduki ĝis fino sian tridekjaran entreprenon, kies plej karakterizajn ĉefverkojn mi eble alian fojon klopodos konigi al la legantoj de « Esperanto ».

P. Linares (Del. Cordoba).

# LITERATURA PAĜO

FELIETONO

# La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

De la nealirebla montaro super la dezerton, kiun neniu piedo suriris, ĝis la fino de la nekonata oceano flugas la animo de la eterna kreanto kaj ĝojas pri ĉiu polvero, kiu sentas lin kaj vivas. — Ha tiam, kiel ofte mi sopiris flugi per la flugiloj de gruo, kiu flugis super mi, al la bordo de la mezurebla maro, trinki el la ŝaŭmanta pokalo de la senfinulo tiun ĝermantan ĝojegon de la vivo kaj nur unu momenton senti en la limigita forto de mia brusto guton de la feliĉeco de la estajo, kiu estigis ĉion en si kaj per si.

Frato, sola la memoro pri tiuj horoj estas agrabla al mi. Revoki, denove elparoli eĉ tiun penon, tiujn ne esprimeblajn sentojn, levas mian animon super ĝin mem kaj tiam igas min duoble senti la timindon de la stato, kiu nun min ampleksas.

Antaŭ mia animo kvazaŭ kurteno fortiriĝis kaj la scenejo de la senfina vivo aliiĝas en la abismo de eterne malfermita tombo. Ĉu vi povas diri : Tio estas ! dum ĉio pasas ? dum ĉio preterruliĝas kun ventrapideco, dum tiel malofte la tuta forto de l'estado eldaŭras, ha, fortiriĝas en la torenton, subakviĝas kaj frakasiĝas per la rokoj ? Jen neniu momento, kiu ne konsumas vin kaj la viajn ĉirkaŭ vi, neniu momento, kiam vi ne estas, ne devas esti detruanto ; la plej simpla promenado kostas la vivon al mil, mil mizeraj vermetoj, piedfrapo detruas la penplenajn konstruaĵojn de la formikoj kaj premegas malgrandan mondon en hontan tombon. Ha ne la granda, malofta mizero de la homaro, tiuj ondoj, kiuj forlavas viajn vilaĝojn, tiuj tertremoj, kiuj englutas viajn urbojn, kortuŝas min ; al mi subfosas la koron la konsumanta forto, kiu estas kaŝita en la tuto de la naturo, kiu formis nenion, kio ne detruas sian najbaron, sin mem. Kaj tiel mi ŝanceliĝas timigite, ĉielo kaj tero la laborantaj fortoj ĉirkaŭ mi : mi vidas nur eterne englutantan, eterne remaĉantan monstron.

La 21-an de Aŭgusto.

Vane mi etendas miajn brakojn al ŝi, matene, kiam mi vekiĝas de sonĝoj, vane mi serĉas ŝin nokte en mia lito, kiam feliĉa, senkulpa sonĝo min trompis, ke mi sidis apud ŝi en herbejo kaj tenis ŝian manon kaj kovris ĝin per mil kisoj. Ha, kiam duondormante mi ankoraŭ palpas al ŝi kaj vigliĝas — torento da larmoj ekfluas el mia premata koro, kaj senkonsole mi ploras renkonte al malluma estonto.

La 22-an de aŭgusto.

Estas malfeliĉo, Vilhelmo ! Miaj agemaj fortoj estas konfuzitaj je maltrankvila apatio, mi ne povas esti senokupa kaj tamen ankaŭ ne povas fari ion. Mi ne havas imagkapablon, ne senton pri la naturo, kaj la libroj naŭzas min. Se ni mem mankas al ni, certe ĉio mankas. Mi ĵuras al vi, ke kelkfoje mi deziras esti taglaboristo, sole por vekiĝinte matene havi ŝancon de estonta tago, aspiregon, esperon. Ofte mi envias Albertón, kiun mi vidas enfosita en aktoj ĝis la oreloj, kaj imagas, ke mi estus bonstata, se mi estus en lia situacio. Jam pli ol unu fojon mi ekpensis, ke mi skribu al vi kaj al la ministro, petu pri la ofico en la ambasadorejo, kiu, kiel, vi certigas, ne estus rifuzata al mi. Mi kredas ĝin mem. La ministro amas min de longa tempo, longe admonis min, ke mi dediĉu min al ia afero, kaj unu horon mi ankaŭ serioze intencis ĝin. Poste, kiam mi pripensas kaj rememoras la fablon pri la ĉevalo, kiu malkontenta pro sia libereco lasas surmeti al si selon kaj ekipajon kaj tro rajdate mortas — mi ne scias kion fari. — Kaj, karulo, ĉu la sopirado al ŝanĝo de la stato eble ne estas interna, malagrabla malpacienco, kiu persekutos min ĉien ?

La 28-an de aŭgusto.

Estas vere, se mia malsaneco estus kuracebla, tiuj ĉi homoj ĝin farus. Hodiaŭ estas mia naskiĝtago kaj frumatene mi ricevis paketon de Alberto. Disvolvante mi tuj ekvidas unu el la ruĝetaj bantoj, kiujn portis Ĥanjo kiam mi koniĝis kun ŝi kaj pri kiuj mi antaŭe petis ŝin kelkajn fojojn. Apudestis du libretoj endekduaj (1), la malgranda Homero de *Wetstein* (2), eldono, kiun mi deziris oftege, por ke mi ne bezonu promenante porti tiun de *Ernesti* (3). Jen ili estas atentemaj pri miaj deziroj, jen ili serĉas ĉiujn malgrandajn komplezojn de la amikeco, kiuj estas miloble pli karaj ol tiuj brilantaj donacoj, per kiuj la sinmontreco de la donanto nin humiligas. Milfoje mi kisas ĉi tiun banton, kaj kun ĉiu spiro mi ensorbas la rememoron pri tiuj feliĉegoj, per kiuj troplenigis min tiuj malmultaj, feliĉaj, nerealporteblaj tagoj. Vilhelmo, estas tiel, kaj mi ne murmuras ; la floroj de la vivo estas nuraj aperaĵoj ! Kiom da ili preterpasas, ne lasante postsignon ! Kiel malmultaj naskas frukton kaj kiel malmultaj da tiuj fruktoj maturiĝas ! Kaj tamen estas ankoraŭ sufiĉe da ili ; kaj tamen — ho, mia frato ! — ĉu ni povas malŝati, malestimi, putrigi nemanĝitaj fruktojn maturajn ?

Adiaŭ ! Estas belega somero, mi ofte sidas sur la fruktarboj en la fruktarbejo de Ĥanjo kun fruktdeprenilo, la longa stango, kaj deprenas pirojn de la arbsupro. Ŝi staras malsupre kaj prenas ilin, kiam mi pasigas ilin suben.

La 30-an de aŭgusto.

Malfeliĉulo ! Ĉu vi ne estas malsaĝulo ? Ĉu vi ne trompas vin mem ? Kion volas ĉi tiu furioza, senfina pasio ? Mi ne plu havas preĝon escepte al ŝi ; al mia fantazio vidiĝas neniu alia formo ol ŝia, kaj ĉion en la mondo mi vidas nur rilate al ŝi. Kaj tio do faras al mi multe da feliĉaj horoj ĝis kiam mi ree devas forigi min de ŝi ! Ha, Wilhelmo, kien ofte puŝas min mia koro ! — Kiam mi sidis apud ŝi du, tri horojn kaj estis ravita pri ŝia staturo, pri ŝia konduto, pri la ĉiela esprimo de ŝiaj paroloj, iom post iom ĉiuj sentoj estas streĉataj, mallumiĝas antaŭ miaj okuloj, mi apenaŭ aŭdas kaj mi kaptiĝas je la gorĝo kvazaŭ de mortinsidisto, tiam mia koro penas liberigi la premitajn sentojn per furiozaj batoj kaj nur pligrandigas ilian konfuzecon — Vilhelmo, mi ofte ne scias, ĉu mi estas en la mondo ! Kaj — se ne iafoje la melankolio superas kaj Ĥanjo permesas al mi la mizeran konsolon forplori sur ŝia mano mian korpremecon — mi devas foriri, devas eliri kaj vagas tiam en la kampo ; supprenrampi krutan monton, tiam estas mia ĝojo, tra senvojan arbaron tralabori vojon, tra la plektbariloj, kiuj min vundas tra la dornoj, kiuj min lezas. Tiam mi fariĝas iom pli bonstata ! iom ! Kaj kiam pro laciĝo kaj soifo mi foje ne povas plu iri, kelkafoje en profunda nokto, kiam la alta plenluno staras super mi, kiam mi sidiĝas en soleca arbaro sur kurbe kreskintan arbon por doni nur iom da kvietigo al miaj vunditaj plandoj kaj tiam en laciga trankvileco dormetas en la krepusko ! Ho Vilhelmo ! la soleca loĝejo de ĉelo, la vestajo el felo kaj la zono kun pikiloj estus refreŝigiloj, kiujn sopiras mia animo. Adiaŭ ! Mi ne vidas finon de tiu ĉi mizero escepte la tombon.

---

(1) Malgranda formato, je kiu la paperfolioj estas dekdnoble falditaj. Rim. de la trad.

(2) Presita de J. H. Wetstein (vetŝtajn), presisto en Amsterdam (1649-1726). Rim. de la trad.

(3) Eldonita de la filologo S. A. Ernesti, apud la greka teksto troviĝis la latina traduko kaj multaj klarigoj. Rim. de la trad.

La 2-an de septembro.

Mi devas foriri! Mi dankas al vi, Vilhelmo, ke vi fiksis mian ŝancelantan decidon. Jam de du semajnoj mi havas la penson forlasi ŝin. Mi devas. Ŝi ree estas en la urbo ĉe amikino. Kaj Alberto — kaj — mi, devas foriri!

La 10-an de septembro.

Tio estis nokto, Vilhelmo! Nun mi venkos ĉion. Mi ne vidos ŝin plu! Ho, ke mi ne povas flugi al via kolo, esprimi al vi per milo da larmoj kaj ravecoj, karulo, la sentojn, kiuj atakas mian koron! Tie ĉi mi vidas kaj spiras malfacile, atendas la matenon kaj je sunleviĝo la ĉevaloj estos pretaj.

Ha, ŝi dormas trankvile kaj ne pensas, ke ŝi revidos min neniam. Mi malligis min de ŝi, estis sufiĉe forta por ne perfidi dum duhora interparolado mian intencon. Kaj Dio, kia interparolado!

Alberto promesis al mi, ke tuj post la vespermanĝo li estos en la ĝardeno kun Ĥanjo. Mi staris sur la teraso sub la altaj kaŝtanujoj kaj postrigardis la sunon, kiu la lastan fojon por mi malleviĝis super la beleta valo, super la kvieta rivero. Tiel ofte mi staris tie ĉi kun ŝi kaj rigardis la belan spektaklon, kaj nun — Mi iris tien kaj reen en la aleo, kiu estis tiel kara al mi; mistera, sekreta logado ofte haltigis min tie ĉi, antaŭ ol mi konis Ĥanjon, kaj kiel ni ĝojis ekkonante en la komenco de nia konateco la reciprokan emon al tiu ĉi loketo, kiu vere estas unu el la plej romantikaj, kiujn mi vidis kreitaj de la arto.

Unue vi havas inter kaŝtanarboj vastan perspektivon — ha, mi memoras, ke mi ofte, mi pensas, skribis al vi pri ĝi, kiaj altaj fagomuroj fine ĉirkaŭas min kaj ke per aliĝanta arbareto la aleo fariĝas pli kaj pli malluma, ĝis kiam ĉio finiĝas en fermita loketo, kiun ĉirkaŭflugas ĉiuj fantomoj de la soleco. Nun ankoraŭ mi sentas, kiel mi ekmaltrankviliĝis, kiam mi eniris la unuan fojon; mi antaŭsentetis, kia ejo de ĝoja feliĉego kaj doloro ĝi fariĝos.

Mi ĝojegis duonhoron ĉirkaŭe en la sopira, dolĉa penso de la adiaŭo kaj revido, kiam mi aŭdis ilin suprenirantaj la terason. Mi kuris renkonte al ili, kun frosttremo mi prenis ŝian manon kaj kisis ĝin. Ni ĵus supreniris, kiam la luno leviĝis post la arbusta monteto; ni parolis pri diversaĵoj kaj pliproksimiĝis nerimarkite al la malluma ejo. Ĥanjo eniris kaj eksidis, Alberto apud ŝi, mi ankaŭ; sed mia maltrankvileco ne lasis min sidi longtempe; mi ekstaris, iris antaŭ ŝin, marŝis tien kaj reen, sidiĝis denove; estis timplena stato. Ŝi atentigis nin pri la bela efiko de la lunlumo, kiu je la fino de la fagmuroj lumigis la tutan terason antaŭ ni: belega aspekto, kiu estis des pli miriga, ĉar ronde nin ĉirkaŭis densa mallumo. Ni estis silentaj, kaj ŝi komencis post kelka tempo 1). « Neniam mi promenas en lunlumo, neniam, ke ne atakus min la sento pri morto, pri estonteco, ke ne renkontus min la penso pri miaj mortintoj. « Ni estos », ŝi daŭrigis kun la voĉo de la plej belega sento, « sed Werther ĉu ni retrovos, rekonos nin? Kion vi opinias? kion vi diras? »

« Ĥanjo », mi diris donante al ŝi la manon, kaj miaj okuloj pleniĝis de larmoj, « ni revidos nin, revidos tie ĉi kaj tie! » — Mi ne povis daŭrigi — Vilhelmo, ĉu ŝi devis demandi min pri tio, kiam mi havis en la koro tiun ĉi timigan adiaŭon!

« Kaj ĉu la karaj mortintoj scias pri ni, ŝi daŭrigis, « ĉu ili sentas, ke ni fartas bone, ke ni rememoras ilin kun varma amo? Ho, la bildo de mia patrino ĉiam estas ĉe mi, kiam en senbrua vespero mi sidas inter ŝiaj infanoj, inter miaj infanoj kaj kiam ili unuiĝas ĉirkaŭ mi, kiel ili unuiĝis ĉirkaŭ ŝi. Kiam mi rigardas ĉielen kun sopira larmo kaj deziras, ke ŝi povu enrigardi momenton, kiel mi plenumas la promeson kiun mi donis al ŝi en la horo de la morto: ke mi estos la patrino de ŝiaj infanoj, kun kia sento mi ekkrias: « Pardonu al mi, plej kara, se mi ne estas al ili, kio vi estis al ili. Ha, mi ja faras ĉion, kion mi povas; ili ja estas vestataj, nutrataj, ha, kaj kio estas pli ol ĉi ĉio, prizorgataj kaj amataj. Se vi povus vidi nian harmonion, kara sanktulino! vi laŭdus kun dankego la dion, de kiu vi petis kun la lastaj, plej maldolĉaj larmoj la bonstaton de viaj infanoj. »

Ŝi diris tion! ho Vilhelmo, kiu povus ripeti, kiel ŝi diris ĝin! Kiel povas la malviva litero prezenti la ĉielan floron de la animo! Alberto interrompetis ŝin: « Ĝi ekscitas vin tro multe, kara Ĥanjo! Mi scias, ke via animo estas sindona al tiuj ĉi ideoj, sed mi petas vin ». — « Ho, Alberto », ŝi diris, « mi scias, ke vi ne forgesas la vesperojn, kiam ni sidis kune ĉe la malgranda, ronda tableto, dum la patro estis forvojaĝinta, kaj kiam ni enlitigis la infanojn. Ofte vi havis bonan libron kaj tiel malofte vi trovis la tempon por legi — ĉu la interrilatoj kun tiu ĉi bonega animo ne estis pli ol ĉio? la bela, kvieta, vigla kaj ĉiam agema virino! Dio scias miajn larmojn, kun kiuj mi ofte min ĵetis antaŭ lin en mia lito, ke li faru min simila al ŝi ».

« Ĥanjo! mi ekkriis, min ĵetante antaŭ ŝin, prenante ŝian manon kaj malsekigante ĝin per milo da larmoj, « Ĥanjo, la beno de Dio estas super vi kaj la animo de via patrino » — « Se vi estus koninta ŝin », ŝi diris, prenante mian manon, — « ŝi estis inda esti konata de vi! » — Mi kredis morti. Neniam pli granda, pli fiera parolo estis dirita al mi! Kaj ŝi daŭrigis: « Kaj tiu ĉi virino devis morti en la floro de siaj jaroj, kiam ŝia plej juna filo ne estis sesmonata! Ŝia malsaneco ne daŭris longan tempon; ŝi estis trankvila, sindona, sole ŝiaj infanoj kaŭzis ĉagrenon al ŝi, precipe la malgranda. Kiel la morto alproksimiĝis kaj ŝi diris al mi, konduku ilin supren » kaj kiel mi enirigis ilin, la malgrandajn, kiuj ne sciis, kaj la pli aĝajn, kiuj estis sensentaj, kiel ili staris ĉirkaŭ la lito kaj kiel ŝi levis la manojn kaj preĝis por ili kaj kisis ilin unu post la alia kaj ilin foririgis kaj diris al mi: « Estu ilia patrino ». Mi promesante donis la manon. Vi promesas multon, ŝi diris, mia filino, la koron kaj la okulon de patrino! Mi ofte vidis je viaj dankemaj larmoj, ke vi sentas, kio ĝi estas. Havu ĝin por viaj gefratoj, kaj por via patro, la fidelecon kaj la obeemon de virino. Vi konsolos lin! Ŝi demandis pri li, li estis foririnta por kaŝi al ni la nesufereblan turmenton, kiun li sentis, la viro estis tute disŝirita.

« Alberto, vi estis en la ĉambro. Ŝi aŭdis iun irantan kaj demandis kaj postulis vin, kaj kiel ŝi rigardis vin kaj min, kun la konsolita, trankvila rigardo, ke ni estus feliĉaj, kune feliĉaj » — Alberto sin ĵetis al ŝia kolo kaj kisis ŝin kaj ekkriis: Ni estas tiaj, ni estos tiaj! ». La kvieta Alberto estis tute konsternita, mi sciis nenion pri mi.

« Werther » ŝi komencis « kaj tiu ĉi virino estus mortinta? Dio! se kelkfoje mi pensas, kiel oni lasas forporti la plej karan de sia vivo, kaj neniu sentas ĝin tiel profunde, escepte la infanoj, kiuj longan tempon ankoraŭ plendis, ke la nigraj viroj forportas panjon! »

Ŝi ekstaris kaj mi vekiĝis kaj konsterniĝis, restis sidanta kaj tenis ŝian manon. » Vi foriru ŝi, diris « estas tempo ». Ŝi volis retiri sian manon kaj mi tenis ĝin pli forte. » « Ni revidos nin » mi vokis « ni trovos nin, inter ĉiuj estaĵoj ni ekkonos nin. « Mi iras », mi daŭrigis », mi iras vole kaj tamen, se mi devus diri: por ĉiam, mi ne elportus ĝin. Adiaŭ, Ĥanjo! Adiaŭ, Alberto! Ni revidos nin » — « Morgaŭ mi pensas », diris ŝi ŝercante. — Mi sentis la « morgaŭon » ha, ŝi ne sciis, tirante sian manon el mia. — Ili iris tra la aleo, mi staris, postrigardis ilin en la lunbrilo kaj ĵetis min teren kaj elploris min kaj salte leviĝis kaj kuris sur la terason kaj malproksime en la ombro de la altaj tilioj vidis ankoraŭ ŝian blankan veston briletanta post la ĝardenpordo, mi etendis miajn manojn kaj ĝi malaperis.

FINO DE L'UNUA LIBRO

1) Tiu ĉi interparolado fakte okazis laŭ la enhavo kun Karloto Buff la 10-an de sept. 1772, same ankaŭ la sekvanta foriro de Gœthe de Wetzlar (veclar) Rim. de la trad.

# ESPERANTISMO

## ONI KONGRESAS!

**Dana jara Kongreso.** — La 15an kaj 16an de julio okazis la tria dana jarkunveno en Odense. Multaj esperantistoj alvenis tien, kaj la kunveno fariĝis sukcesplena festo. Oni vizitis la urbajn vidindaĵojn, ekskursis, kunvenis, festmanĝis k. t. p., kaj la gaja humoro senĉese regis kiel kutime.

Ĉe la ĝenerala kunveno, en kiu partoprenis la reprezentantaro de « Centra Dana Esperantista Ligo » kaj delegitoj por la aliĝintaj kluboj, oni pritraktis diversajn proponojn, kiuj intencis plibonigi kaj progresigi nian aferon en Danujo. Oni starigis gazetan komisionon, kiu povas prizorgi informojn al la ĉiutagaj gazetoj, kolekti artikolojn pri kaj kontraŭ Esperanto, k. t. p.

Dimanĉon vespere propaganda kunveno, kiun ĉestis multaj personoj, plene sukcesis. La redaktoro de « Dana Esperantisto », *S-ro Nissen* malfermis kaj direktis la kunvenon, *S-ro Baruël*, Kopenhago, faris bonegan propagandan paroladon, S-ro redaktoro *Hoz-Jensen*, Odense, parolis Dane kaj Esperante pri la necesego de internacia lingvo; juna germana studento esprimis sian ĝojon por Esperanto, kaj *S-ro Jœrgensen*, prezidanto de la Odensa laborista klubo « Unueco », konvinkis la ĉeestantajn neesperantistojn pri la facileco de nia lingvo farante longan, improvizitan, esperantan paroladon. Ĉiuj paroladoj akiris grandan aplaŭdon. Poste kelkaj sinjorinoj je granda plezuro de ĉiuj bele ludis fortepianon kaj kantis esperantajn kantojn.

Certe la kongreso estis bona propagando por Esperanto en Odense.

A. H.

**Dua Itala Kongreso.** — *Malsama Opinio.* — En nia n° de la 20 julio, ni publikigis rilate al la raporto pri tiu kongreso *rektifion* subskribitan de kvin kongresanoj. Responde ni ricevis la jenan duan reĝustigon:

Pri la Regionaj Institutoj:

... Post longa diskutado S-ro Viterbo prezentas la sekvantan tagordon:

1e La Dua kongreso de la Italaj Esperantistoj, malakceptante la proponon pri la kreado de regionaj institutoj de Esperanto; 2e certigante la decidon de la Federacio, esprimas la deziron, ke por la superaj Diplomoj de Esperanto oni alprenu tiujn de la Internacia Instituto de Esperanto; 3e ke por la malsuperaj Diplomoj oni daŭrigu disdoni tiujn jam alprenitajn de la Federacio.

La *unua* parto de la tagordo kaj la *tria* estas malaprobitaj de la plejmulto; la *dua* estas unuanime aprobita.

Post tio D-ro Stromboli prezentas la sekvantan tagordon:

*La Dua Itala Kongreso de la Esperantistoj, esprimante la deziron pri la plej granda libereco por la instruado de la lingvo Esperanto, pensas, ke estas necesa, por la plej bona sukceso de la instruado mem, ta fondo de specialaj regionaj komitatoj aŭ regionaj institutoj de instruado.*

Tiu longe diskutita tagordo estis fine aprobata de la plimulto el la voĉdonantoj.

D-ro A. Stromboli.

La diskutado estas nun finita en nia organo (Red.)

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj Societoj.** — La 19 de julio fondiĝis en *Creil* (Franc.) esp. grupo, kies prezidento estas S-ro M. Michon, S-Del. La sidejo estas ĉe « Grand Hôtel du Chemin de Fer », la centra propagandejo ĉe la « Librairie Chalbrette ». Ĉiumarde estos afiŝataj novaĵoj pri nia movado.

M. M.

En *Itaca* (Usono) nova grupo por la ĥinaj studentoj de la Universitato Cornell. — M. G.

En *Borsdorf apud Leipzig* fondiĝis grupo sub la direktado de S-roj Dœhler kaj Friedrich. — G. G.

En *Lauban* (Germ.) unuiĝo de la Laubanaj gimnazianoj.

En *Posen*, grupo « Verda Stelo »; la presizanto estas S-ro A. Dressler.

**Novaj Kursoj.** — En *Niederan* (Germ.) gvidata de S-ro Boerner. — Th, K.

En *Slege* (insulo Man, Danujo), sekve de la propagando de F-ino W. Lavgreen, kursoj kun 40 lernantoj. — M. G.

En *Porto* nia Del., S-ro J. Moreira da Silva malfermis du senpagajn kursojn kun 43 lernantoj. — M. S.

En *Budapest-Zuglo* (Hungarujo) kurso por laboristoj komenciĝis la 17 julio. — G. N.

En *Genova*, post la unua kurso de la Normala Lernejo, farita de S-roj Monti kaj Fasce okazis ekzamenoj en kiuj sukcesis 9 kandidatoj (ĉiuj geinstruistoj).

En Germanujo, malfermiĝis kursoj en: *Bremen*, *Borsdorf*, *Dresden* (en la Higiena Ekspozicio), *Erfurt* (laborista) *Kolmar*, *Stuttgart*. — G. E.

En *Figueira da Foz* (Portugalujo) kun 15 lernantoj. — E. E.

**Paroladoj.** — En *Kiel*, S-ro Clementsen la 4 julio ĉe la komercista unuiĝo. — G. F.

En *Letchworth* (Anglujo) ĉe la « Birds Hill Adult School » paroladis S-ro F. A. Goodliffe pri Esperanto kaj la internacia frateco.

**Esperantiaj Distriktaj Kunvenoj.** — *Orienta Anglujo.* — La 7 julio en la kunvenejo de la Londona Klubo; ĉeestis 43 personoj. S-roj Kalisky, Blaise kaj Watters legis raportojn pri la progresoj de U. E. A. en la distrikto kaj pri la servoj faritaj. Oni decidis meti la afiŝon ĉe la stacidomoj kaj publikaj lokoj, kie tio estas permesata; S-ro Kalisky sin okupos pri la serĉado de tiuj lokoj. — La delegitoj kunvenos kelkfoje ĉiujare por diskuti pri ĉiuj aferoj utilaj al la propagando de U. E. A. La proksima kunveno okazos tuj post la Kongreso de U. E. A. en Antverpeno. — P. K.

## OKAZONTAĴOJ

**Programoj kaj informoj.**

*27 aŭgusto.* — Kongreseto en Kladno (Bohemujo). Programo:

1. Bonveno de Esp. Kluboj kaj iliaj amikoj; 2. Trarigardado de la urbo kaj industriaj fabrikoj; 3. Komuna tagmanĝo; 4. Trarigardo de la ekspozicio. (Esp. ekspoz. en Ind. Palaco 8 kvadrat m. etr.; 5. Festema vespero (Koncerto kaj diversaj amuzaĵoj).

**Esperantista Kalendaro.**

*20-24 aŭgusto* (nova stilo). — Kvina Bulgara esp. kongreso en Sofia.

*20-27 aŭgusto.* — Sepa Universala Esperanto-Kongreso en Antverpeno.

*26-30 aŭgusto.* — Dua kongreso de U. E. A. en Antverpeno.

*27 aŭgusto.* — Kongreseto en Kladno (Bohemujo).

*27-31 aŭgusto.* — Postkongresa ekskurso Hago-Scheveningen-Amsterdam-Marken.

*8-10 septembro.* — Dua Konferenco de la Aŭstriaj Esperantistoj en Praha.

## DIVERSAĴOJ

∴ *Vojaĝ-Stipendioj.* — La *Germana Esperanto-Gazeto* organizis vojaĝ-stipendiojn de valoro da 250 Sm. Tiu stipendio estas donata al tiu el la aĉetantoj de la lernolibroj de la eldonejo de G. E. G. (5 Sm.), kiu per ekzamenado plej bone pruvis sian konon de nia lingvo. La unua vojaĝ-stipendiulo estas S-ro H. W. Schmitt, el Halle. Tiuj konkursoj estas limigataj al la teritorio de Germanujo.

∴ *Donaco.* — Danke pro la ricevitaj servoj, S-ro Jourdain, el Clamart, malavare donacis je la nomo de U. E. A. belegan premion (lukse binditan verkon de Michelet) por la stenografia konkurso de la nuna kongreso en Grenoble. — A.P.

∴ *Premioj.* — La 11 julio okazis la disdonado de premioj de la « Association Polytechnique de Romans » (Drôme, Franc.) ; en tiu asocio ekzistas sekcio por la instruado de Esperanto, kies ankaŭ lernantoj ricevis premiojn. — P.

∴ *Monhelpo.* — Post peto de la V-Del., S-ro Roy, la urbkonsilantaro de Grenoble (Franc.) voĉdonis 40 Sm. por premioj al la lernantoj de la urbaj lernejoj. Tiuj premioj estas disdonitaj post ekzameno okazinta sub la efektiva prezido de S-ro Lajonchère, unuagrada Inspektoro. El la geknaboj, kiuj sekvis la kursojn, 91 prezentiĝis : 45 ricevis la elementan diplomon, 77 estas premiitaj. — A. P.

∴ *Oficiala Subteno.* — Nia redakcio ricevis ekzempleron de cirkulero dulingva (greke kaj esp.), subskribita de L. M. la Princo de Samos, kiu instigas ĉiujn geinstruistojn de la Insulo partopreni en unu el la du serioj de 10 lecionoj okazontaj respektive 4-14 julio kaj 20-30 aŭgusto ; post tio ili estos ekzamenataj kaj ricevos la necesan diplomon. Tiu decido estas sekvo de petskribo de D-ro A. Stamatiadis.

∴ *Por la Sepa.* — Lia Majesta Moŝto Alberto, reĝo de la Belgoj, akceptis la titolon de Alta Protektanto de nia kongreso. Ĝis la 30 julio, 1.306 kongresanoj estas enskribitaj.

G. E.

## TRA LA GAZETARO

∴ *Lingvo internacia,* — Sub titolo *Antverpeno* :

« ... Pri la internacia organizado oni certe diskutos tute ĝentile. Formetante ĉiun personan demandon, la Kongresanoj ne forgesos, ke ĉiu sincera opinio estas respektinda. Nia intima konvinko estas, ke fine, kiel en 1905 en Boulogne, la Kongreso simple esprimos la deziron, aŭ pli verŝajne la volon, ke la naciaj propagandaj societoj, konservante sian plenan sendependecon, interrilatiĝu regule kaj agu akorde en kelkaj difinitaj cirkonstancoj : mona subtenado de niaj oficialaj institucioj, publikigado de oficialaj dokumentoj, klopodoj apud la Parlamentoj, premio Nobel, ktp. Tio nun, kiam post kelkaj jaroj de maltrankvileco aŭ de kreskado la naciaj Asocioj plifortiĝis, estos facila kaj alportos grandan profiton al nia internacia agitado. Ni ne parolas pri la grava internacia rolo de la U. E. A. sed ĝin ne forgesas. Per praktika vojo ĝi realigis internacian Ligon kaj tute prave D-ro Zamenhof diris pri ĝi en Barcelono : « Kelkaj Esperantistoj havis la bonan ideon fari per privata vojo tion, kion oficiale ni ne povis ». Hodiaŭ ankoraŭ tio estas vera... »

∴ *Britist Esperantist Pri internacia organizo.* (S-ro W. Mann ĉe la Brista Kongreso) :

«... La proponata projekto povus esti por la Esperantistoj fonto de malkonkordo kaj en multaj okazoj neeble estus kontroli la efektivan « reprezentantecon » de la delegitoj. Sed antaŭ ol povi decidi, oni devas respondi al si du fundamentajn demandojn ankoraŭ ne tuŝitajn en la diskuto : unue, kio estas la celo de niaj ĝeneralaj kongresoj, kaj due, pri kiaj aferoj nome voĉdonos la proponataj delegitoj ? Se la celo de niaj ĝeneralaj kongresoj estas precipe propagando kaj ĝenerala amika interrilatado, kian utilon havos ia delegitaro ? Cetere, kian reprezentantaron aŭtoritatan povas havi aro da homoj, kies sola komuna ligilo konsistas en tio, ke ili parolas unu saman lingvon ? Nia movado fariĝis tiel vastega, ke reprezentado estas jam nun ne nur nenecesa, sed neebla. Kaj se oni demandas, kion nome faros la delegitoj, malfacile estas ricevi respondon klaran kaj precizan. Havi delegitojn por la specialistaj fakoj de nia movado estas praktika afero, ĉar ili ja povas trakti pri klare difineblaj kaj fakonligantaj decidoj. Sed tute alie estas ĉe korpo tiel vasta kaj heterogena, kiel la Esperantistaro ĝenerala. Pli saĝe kaj utile estos, konservi al niaj ĝeneralaj kongresoj la amikan spiriton, kiun ili ĝis nun havis. La grupoj do elektu la delegitojn kun la celo voĉdoni en Antverpeno en tiu senco. »

∴ *Le Monde Esperantiste.* Sub titolo *Ni gardu nin de la impulsemuloj* ! (A. Fréchas) :

«... Mia opinio, kiun mi neniel volas trudi al la aliaj, estas ke Esperanto ne estas ankoraŭ sufiĉe divastigita por ke oni povu krei specialajn esperantistajn gazetojn. Tiuj gazetoj ne povas trovi sufiĉe da legantoj por vivi kaj ĉe tiu ĉi flanko montriĝas la eraro de iliaj fondintoj. La granda nombro de la gazetoj, naskiĝantaj kaj mortantaj tiel rapide kiel la rozoj de la poeto, pruvas, oni diras, la vivecon de Esperanto ? Jes, sed kiom da mono senutile elspezita, kiom da fortoj perditaj, kiom da iniciatoj malfortigitaj aŭ paralizitaj !... » (trad).

La sama gazeto daŭrigas publikigi en ĉiu n° tre kompletan informilon pri la agado de U. E. A.

∴ *Pola Esperantisto.* — El *homaj idealoj* (H. de Wierzchowski) :

«... Kiel ni vidas jam nune inter diversnaciaj homoj, kiel ni rimarkas kaj eksentas tion dum ĉiujaraj esperantaj ĝeneraj Kongresoj — Esperanto amikigas kaj fratigas ĉiujn esperantistojn , oni forgesas konvinkojn religiajn kaj politikajn, nacian ŝovinismon, kaj fariĝas sub influo de Esperanto fratoj kaj favoraj amikoj... »

∴ *Kataluna Esperantisto* publikigas tre plenan ilustritan raporton pri la sukcesa Kongreso de katalunaj Esperantistoj en Tarragono. Ĝi anoncas al ni la bedaŭrindan morton de S-ro D. Serda Simo, direktoro de K. E. kaj fervorega propagandisto,

∴ *Ardena Stelo* ĉesas aperi.

∴ Sekve al grava artikolo pri Esperanto, verkita de S-ro Paschero en la *Revuo de l'Asocio de la Teknikistoj de la Ŝtataj Fervojoj*, ĝia redakcio konsentis eldoni la teknikan lervojan vortaron ankaŭ en nia lingvo. — A. S.

∴ En *Detroit Free Press* (Detroit, Usono, 25 julio) bona artikolo pri la Sepa Kongreso. Pri la Kongreso de la Nordamerika Asocio (New-York 2-4 aŭg.) ĝi anoncas, ke la ĉefa klopodo estos por la enkonduko de nia lingvo en la lernejojn de Usono.

∴ *L'Etoile de l'Est* (Nancy, Franc.), kiu plurfoje favore parolis pri nia afero, dediĉas pli ol tutan kolonon al U. E. A. en sia N° de la 18 julio.

∴ *Der Herold* (Detroit, Usono, 21 julio) raportas pri festeno honore al D-ro Yemans.

∴ En Coventry (Angl.) la redaktoroj de du ĉiusemajnaj gazetoj, *The Recorder* kaj *The Sentinel* ĵus akceptis publikigi ĉiusemajnajn artikolojn pri Esperanto. B. E.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Propono.**

S-ro D. G. Konstantopulos, Del. Arta (Grekujo) proponas, ke § 51 de la Statuto estu ŝanĝota jene :

§ 51. En la ĝeneralaj balotoj kaj voĉdonoj partoprenas :
1e Ĉiuj Delegitoj ;
2e Ĉiuj reprezentantoj de la fakaj organizajoj konforme al § 31 ;
3e La Komitatanoj kaj vickomitatanoj.
Ĉiu Delegito havas unu voĉon ; du voĉojn se estas en lia regiono de 20 ĝis 49 membroj ; tri, se estas 50 ĝis 99 membroj, kvar voĉojn se estas de 100 ĝis 149 membroj, ktp.

Laŭ tiu propono, ĉiuj Delegitoj, kia ajn estus la nombro de la membroj en ilia regiono, havus almenaŭ unu voĉon, dum, laŭ la nuna § 51, havas unu voĉon nur la Delegitoj, kiuj varbis minimume dudek membrojn.

Konforme al § 52 de la Statuto, tiu propono estos submetata al la ĝenerala voĉdonado, se pli ol la kvinono de la Delegitoj voĉdonrajtantaj ĝin skribe postulas.

**Oficiala Jarlibro.**

Ni rimarkas, ke la pli granda parto de la plendoj, kiujn ni ricevas pri neplenumo de la servoj estas kaŭzata de la fakto, ke niaj membroj ne akiras la Aldonon al la Oficiala Jarlibro, kiu enhavas ĉiujn adresŝanĝojn, korektojn, ktp. de post la apero de la Jarlibro. La 2a Aldono, kiu jus aperis, estos afranke sendata kontraŭ respondkupono. Ni rekomendas ĝin al ĉiuj uzantoj de niaj servoj.

∴ Ni de nun ricevas anoncojn por la Oficiala Jarlibro 1912, kiu aperos en tiu ĉi aŭtuno. Ni rememorigas, ke tiu eldonajo estas presata je pli ol *9.000 ekz.* ; ĝi do estas la plej bona *Esperanta reklamilo*.

La tarifo de la anoncoj estas : 1 paĝo, 20 Sm. ; 1/2 paĝo, 10 Sm. ; 1/4 paĝo, 5 Sm ; 1/10 paĝo, 2,50 Sm. Rabato da 10 % al Esperantiaj Entreprenoj.

**Distriktaj Delegitoj.**

S-ro A. B. Hansen, 47, Dr. Olgas Vej., Kopenhago, estas elektita kiel provizora distrikta Delegito por Danujo, konforme al § 26 de la Statuto.

**Statistiko.**

Jen la movado de la korespondajoj ĉe la Centra Oficejo de U. E. A. dum la monato Julio.

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1047 | 1328 | 131 |

Tuta sumo 2.506 (sen la Jarlibroj). Antaŭa monato 3.040.

N. B.

En la statistiko por lasta monato estis eraro ; la forsendjtajo estis 1828 (ne 1485) kaj la tuta sumo, do, 3040 (ne 2.697).

La Direktoro.

**Novaj Del. Vicdel. aŭ Subdel.**

Cannes (Francujo, Alpes Maritimes). — S-ro Charles Cresp, 14, rue des Marchés, (Del.) S-ro Paul J. Richard, ĉeftelegrafoficisto, Villa Maria Pierrette, rue des Vallerrques (Vicdelegito).

Collegno, Reg. Turino (Italujo). — S-ro Karlo Alliand (Subdelegito).

Dargaville, Auckland (Nova Zelando). — S-ro M. Cendo, laboristo, Box 28, (Subdel.)

Krefeld (Germana). S-ro Jos. Schumacher, komercisto, Kanalstrasse, 103 (Vicdel.).

Leicester (Anglujo). — S-ro William Carry Freemann, Presisto, 28, Paton street.

Royan (Charente-inférieure, Francujo). — S-ro A. R. Brisset, 14, rue du Hâ.

St.-Vasilevici (Minsk gub., Rusujo). — S-ro Josef Azbel.

Trojan, Reg. Pleven (Rusujo). — S-ro Penko K. Sojev (Subdelegito).

Worthing (Anglujo, Sussex). — S-ro Pastro. E. J. Burnett, West View Norfolk Street.

**Ŝanĝoj.**

Brisbane : La Adreso de l'Delegito estas: S-ro Percy Proctor, Esperanto Konsulejo, 331, Queensst. — Shanghai : La adreso de l'Del. estas nun, S-ro K. C Ŝan, 683, Myburgh Rd.

**Lokoj kie ne plu estas Delegito.**

*Granun* (Subdel.), *Brest*, *Zamboango*, *Bonn*.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.**

Grenoble (Francujo). S-roj Paone et Pascal, gantfabrikistoj, 33, rue Thiers.

Paris (Francujo). — S-ro Paul Decauville, Civila Inĝeniero, 7, Boulevard Beauséjour.

**Citoj.**

L. Adam, Del en Verdun, pro nepago de sia ŝuldo (2a cito).
F-ino A. Andernach, Del. en Sœst, pro sama kaŭzo (2a cito).
J. Biro, Del. en Dés, pro sama kaŭzo (2a cito).
E. Bourrin, Del en Pornic, pro sama kaŭzo (2a cito).
W. Clay, Del. en Hebden Bridge, pro sama kaŭzo (2a cito).
J. Daniel, Del. en Abaujszanto, pro sama kaŭzo (2a cito).
W. Nutters, Del en Amsterdam, pro sama kaŭzo (1a cito).

**Eksigoj.**

Post 2 citoj ne respondis la Del. :
L. V. Abbot, Del. en Tabor.
A. Lenkevic, Del. en Melitopol.
N. Vetrinskij, Del. en Barnaul.
R. Glandeck, Del. en Konstantinoplo.
A. Fanzeres, Del. en Rio-de-Janeiro.
I. Sercars, Del. en Bendzin.
H. Duveau, Del en Angers.
La supraj Del. estas *forstrekitaj* konforme al la Regularo.

# Esperantia Vivo

**Edziĝo.** — La 19 Aŭgusto, nia samideano *Joseph Pion* en Beaune (Francujo) edziĝis kun Fr-ino *Adrienne Muller*.

**Morto.** — En Londono mortis fidela amiko de nia movado, S-ro *George Henderson*, la posedinto de la famaj jurnaloj « Pictorial Comedy » « Scraps » kaj aliaj. Dum pluraj jaroj li eldonis humoran jurnalon « Phœnix » en simpligita latino, poste elpensis la sistemojn « Latinese » kaj « Anglo-Franca », fine aliĝis al nia movado. Li senpage disponigis siajn jurnalojn por esperanta propagando.

Bonan subtenanton la Brita societo perdis en li. — B. E.

# Esperantia Parolejo

### Pri interkorespondado

En la ĉi tiea Distrikto U. E. A. pli kaj pli enradikiĝas, t. e. novaj Delegitoj aliĝas, oni petas pri informoj, komercaj firmoj uzas niajn servojn, gazetoj atentigas pri nia movado ktp. Entute la vivado en nia industria distrikto estas kontentiga. La sekvo estas ofta interŝanĝo de ideoj kaj opinioj en la anaro de nia Asocio. En tiu ĉi entuziasma sfero, konsiderante la kreskadon de Esperanto ĝenerale, oni kolektas spertojn agrablajn kaj ne agrablajn.

Pri la lastaj mi volas speciale paroli kaj petas ĉiujn gesamideanojn, kiuj faris similajn spertojn, tion sciigi al mi, por ke mi kolektu tiujn plendojn kaj submetu ilin al la prijuĝo kaj esploro de la novfondota « Interŝanĝa Fako » laŭ la propono de S-ro M. Lévy, Del. St-Mihiel.

Kiel jam dirite, oni uzas la servojn de U. E. A. tie ĉi tre ofte kaj mi devas konfesi je tuta kontenteco rilate al la konsciença funkciado de niaj Delegitoj. Sed alia fakto, neagrabla, pri kiu mi volas atentigi, sed kiu ne direkte rilatas al U. E. A. estas la korespondantoj de ilustritaj poŝtkartoj kaj kolektantoj de poŝtmarkoj, kiuj petas de niaj Delegitoj, ke ili sendu interŝanĝe poŝtk. ilustr. aŭ poŝtmarkojn. Tiuj personoj ne klare komprenas la celon de U. E. A. kiu servas unuavice al la plifaciligo de internaciaj rilatoj, sed ne al plenumo de tiaj petoj. Mi ne dubas, ke niaj Delegitoj plenumas ankaŭ tiujn petojn, se oni almenaŭ aldonus la necesan respondkuponon. Kvankam oni ne rifuzas kaj helpas laŭeble en ne oficialaj aferoj, se oni petas ne tro ofte tian servon, estas konsilinde, ke la Esperantianoj ne senpripense tion postulu. Delegitoj en grandaj urboj havas sufiĉe da laboro, plenumante la oficialajn servojn. Tiuj personoj trovas sufiĉe da korespondemaj samideanoj sub la fako « Korespondado ». Kial ili ne uzas tiujn adresojn ? La kaŭzo estas konata al kelkaj adeptoj, sed ne al ĉiuj Esperantianoj. Estas tro da personoj, kiuj ne tutkore komprenis la Esperantismon, homoj, en kies koro nia frata ideo ne trovis ĝustan lokon, aŭ, kio estas pli bedaŭrinda, trompas scivole.

Mi kredas, ke mi dirante tiujn ĉi liberajn vortojn ne ofendas niajn Samideanojn, sed miaj spertoj min faris pripensema pri tiu ĉi fakto, ke multaj poŝtkartoj ilustr. neniam estas respondataj. De jam kelke da jaroj mi interŝanĝis pri tiu ĉi punkto miajn opiniojn kun aliaj Esperantianoj, ĉu letere, ĉu buŝe. La rezultato estis tre interesa, ĉar mi tiamaniere konstatis, ke la samaj personoj, kiuj ne respondis al mi, ankaŭ ne respondis al kelkaj el miaj amikoj kaj konatoj. Mi kolektis intertempe nomojn de tiuj personoj nerespondemaj kaj intencas kun helpo de l'legantaro pliplenigi mian « nigran adresaron ». Mi trovas saman nomon ne nur unufoje, sed kelkfoje, ili do ne nur al mi, sed ankaŭ al aliaj personoj ne respondis. Unu el tiuj, kiu antaŭ unu jaro ne respondis al mi kaj tri aliaj samideanoj el mia urbo, nun jus anoncis denove. Ĉu tio ne ŝajnas esti sistema ekspluato ?

Eble unu aŭ alia ricevis tro da sendaĵoj post sia anonco, sed estus honora devo, tion sciigi per anonceto, kiu estas pli facile ebla kaj pli malkara, ol respondi al ĉiuj, se lia mono aŭ tempo tion ne permesus. « Ĉiam respondas », tiu ĉi frazo efikas pli grandan konfidon, sed kiel ofte oni eraras, tro konfidante al tiu ĉi promeso. Ne estas mia intenco, akuzi ĉiujn anoncantojn, inter kiuj mi ja trovis miajn plej fidelajn korespondantojn, mi nur deziras forigi tiun ĉi malbonan kutimon de kelkaj « samideanoj » kaj petas ĉiujn, kiuj havas similajn plendojn, sciigi al mi la nomojn de tiuj personoj, por ke mi post zorga kolekto submetu la kolektitan materialon al la nove fondota komitato de l'Fako Interŝanĝo, aŭ esprimi siajn opiniojn sub la Esperantia Parolejo de tiu ĉi organo.

B. Luis, Distr.-Del.
28, Werstenerstr, Düsseldorf (Germ.).

La manko montrita de nia korespondanto estas tre reala kaj jam de longe oni diversflanke atentigis nin pri ĝi. Ĝuste por ĝin forigi kaj doni al la korespondantoj pli seriozajn garantiojn pri respondo kaj honesteco en la interrilatoj estas fondita de U. E. A. speciala Interŝanĝa Fako, kiu komencos funkciadi de l'aŭtuno. Dir.

---

# Alvokoj

### Rusaj samideanoj !

La polaj poŝtadministracioj rifuzas interŝanĝi kontraŭ poŝtmarkoj la internaciajn respondkuponojn, kio estas malagrabla malhelpo en nia korespondado kun la tuta mondo. Kion fari ? Nia Asocio akceptis la jenan proponon de samideano Jekimjenko : kolekti aprobajn voĉojn de ĉiuj esperantianoj pri tio, ke la interŝanĝado de respondkuponoj estas por ni *reala bezono*. Se tiu ideo ricevos multajn aprobojn, ni povos per petskribo provi inklinigi vian registaron al la plenumo de nia deziro.

Do, *Ruslandaj* samideanoj, sendu vian aprobon al « Esperantio » (Rue de la Bourse, 10, Genève, Svisl.), kiu ekspedos al ni la nombron de kolektitaj voĉoj. La ceteran agadon ni prenos sur nin.

Kaliŝa Asocio « Lumo ».

### Internacia Ligo de Poŝtoficistoj

La Esperantistaj Poŝtoficistoj kunvenos en Antverpeno dum la Sepa. Ĉiuj kolegoj estas kore invitataj ĉeesti niajn kunvenojn por pruvi la gravecon de Esperanta movado en nia profesio.

P. Schmidt (Dresden).

### Al ĉiuj inĝenieroj

Mi turnas min al ĉiuj inĝenieroj kun jena komunikaĵo : unu ĉi tiea rusa laboristo ĉe Urala montfabriko eltrovis la rimedon fari forĝeblan feraĵon en unu tago anstataŭ 11, kies procedo nun postulas tion. Estas memkomprenebla la granda profito, kiun donas tiu nova eltrovaĵo. La kompetentaj inĝenieroj, sub kies gvido laboras la laboristo, jesigas la mirindan fenomenon. La laboristo deziras vendi sian sekreton, kiun li ankoraŭ al neniu komunikis malgraŭ granda insisto. Tial mi, dezirante helpi tiun laboriston kaj profiti la propagandon de nia kara lingvo, min turnas al ĉiuj interesatoj kun la propono aĉeti la sekreton. Oni estas petata informi la prezon, per kiu oni deziros aĉeti la rajton je la eltrovaĵo kaj la rimedon per kiu oni postulos pruvi la veron. Bonvolu skribi laŭ mia adreso : Veterinaro N. Foss, Rusujo, U. F. A.

---

Antaŭa pago per poŝtmandato aŭ respond-kuponoj. Naciaj markoj kaj ne akceptataj (krom por Hispanujo Rusujo).

Ĝeneralaj Agentoj. — G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris*; Publicité Esperanto Herlemont, 25, rue Saint-Vincent-de-Paul, *Paris*, Xe; S-ro A. Dupuis, rue de l'Arc-de-Triomphe, 12, *Paris*; A. G. Browne, 20, Wellington St. Strand, *London, W. C.*; Tutmonda Esperanto-Anoncekspedo, Th. Auding, *Berlin, S. W. 48*; Germana Esp. Librejo, Sternwartenstr., 40, *Leipzig*; Esperanto-Librejo, Tverskaja 28, *Moskvo*.

## KORESPONDADO

Ni atentigas la personojn, enskribitajn sub tiu rubriko, ke ili devas konsideri kiel *devon* kaj *honoron* respondi almenaŭ *unufoje* al ĉiuj personoj, kiuj skribos al ili laŭ tiuj anoncoj. Ĉiuj korespondantoj skribu sian adreson plej legeble (en nacia lingvo), se eble per stampo.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b.fl. = *bildflanko*.

Barcelona (Hispanujo). — S-ro Petro Mayol, Str. Brusi 20, — S-ro Kviriko Redondo, Str. Verdi 15. 4o. 2-a. PI.

Praha III (Bohemujo). — F-ino Gabi Pfeiferova, instruistino, 55, Mostecka. — F-ino Slava Pfeiferova, 3-u Steinicu. — S-ro Joja Šupich, studento, 31 Namésti, PI.

Arta (Grekujo). S-ro D. G. Konstantopulos, Del. de U. E. A.; studento de farmacio, PI., L.

Valencia (Hispanujo). — S-ro Salvador Sanz, C. Sevilla 4-Io, PI.

Sampierdarena (Italujo). — Venè rag Eugenio, Municipio de Sampierdarena, PI., L. (kun ĉiuj landoj).

Sobeslav (Aŭtrio, Bohemujo). — S-ro Jan Kartak, studento, Veselska ul. 56, PI., L., PM.

Chorley (Anglujo, Lanca). — S-ro Em. Brown, « Mayfield », PI., L.

Lauban (Germanujo). — S-ro A. Lutteroth, Post-Str. 7, L. PI., m. blf. (kun ĉiulandanoj).

Desden (Germanujo). — S-ro Wilh. Hermann, Nohnst 6, PI. (nur kun negermanlingvanoj).

Boskovice (Aŭstrio, Moravio). — S-ro J. Brozka, Placo 9, PM., PI., (kun ĉiulandoj).

Vyskov (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Ludmila Vyŝkovska, PI., L. (nur artistaj kartoj).

Bohem-Kamnitz (Aŭstrio). — S-ro Rudolf Horn, Ŝparkas-oficisto; S-ro Anton Ohme, librotenisto; S-ro Frantz Seidel, horloĝisto, Topfmarkt, 72, PI., L.

St.-Aleksandrovsk (Rusujo). — S-ro Provizoru V. V. Sĉurovu, Juĵn. jel. dor., PI.

Oakleigh (Aŭstralio, Victoria). — S-ro C. L. Clarke, Euston Road., PI., L. (pri ĉiaj aferoj).

Portsmouth (Anglujo). — S-ro Robert Wright, 115, Balfour Road; S-ro Fred Pulman, 18, Orchard Road; PI., b. fl.

Braunschweig (Germanujo). — S-ro Kurt Weymar, Hagenring, 22, PI.

Bruselo. — (S-ro Kersten, 112, Av. de Jette, PI. (nur belaj).

Verona, Bardolino (Italujo). — S-ro Cipriani Francesco, PI., PM., fotografaĵoj.

Bolton (Anglujo). — La tieaj grupanoj, PI.; Skribu unue al S-ro A. R. Horsley, Hon. Sek. 24, Rock Avenue, Halliwell, Bolton.

Sainte-Savine (Francujo, Aube). — S-ro Emile Lequin, 21, Rue E. Ratat; PI. (kun tuta mondo).

Taverny (Francujo, S.-et-O.). — S-ro Fernand Brienne, 29, rue de Paris, PI. kun ĉiuj sam.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

POR PROPAGANDA CELO, deziras korespondadi kaj interŝanĝi PI., PM. aŭ L., kun ĉiulandaj gesamideanoj. Nepre al ĉiuj respondos. Adreso : Hugo Willbach, Krenholm, 17-55, *Narva* (Estlando-Rusujo).

RIPREZENTADO : Vigla komercisto, dekjara vojsperto tra tutaj Britaj Insuloj, serĉas bonan alilandan riprezentadon je iu ajn artikolo ; por Anglujo mempagas vojaĝkoston. Skribu : *Tree*, 25, Colquitt Street, *Liverpool*, Anglujo, aŭ aranĝu renkonton ĉe Antverpena Kongreso.

ŜANGO DE ADRESO. — S-ro Richard J. Maclaren deziras sciigi al siaj samideanoj sian novan adreson : ĉe Rogen, St. Clair, Dunedin, Nova Zelando.

DEZIRAS ESTI DUNGATA la filo de la regiona Delegito de Sta. Coloma de Farnés, ĉe firmo drogvendanta (aŭ en alia, ĉar li havas sufiĉan kapablon por koni en malmulte da tempo la iradon de iu ajn) en fremda lando, prefere francelingva ; perfekte konas Esperanton, iom la francan lingvon, kaj bonege la hispanan. Li neniun landon alveturos se antaŭe oni ne sendas la vojaĝelspezojn al lia patro. S-ro Antono Llinas, kuracisto, Sta. Coloma de Farnés, Gerona, Hispanujo.

ŜANĜO DE ADRESO. — Al ĉiuj siaj gekorespondantoj S-ro Llinas sciigas, ke lia nuna adreso estas : Santa Coloma de Farnés, Gerona, Hispanujo. Tien oni devas sendi ĉiujn korespondaĵojn.

PARIZAN SAMIDEANON, por sincera, amika korespondado, serĉas S-ro « Polo H. P. » ĉe *Esperantio*. (Genève)

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Luke bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hispanujo).

SERIZA PETO. — Kian gajnigan oficon povus esperi trovi alilande franca fraŭlo, tridekjara, komercoficisto, vendisto ; dekdu jarojn en sama firmo, parolante nur france kaj esperante ; kelkajn komercajn konojn pri angla lingvo. Donus letere ĉiujn necesajn informojn. Sendi leterojn al : Pochette nationale, 0565 490, Poste Restante, Rue Lamartine, Amiens, France.

TRADUKARTO 28. — Bonvolu konigi vian nomon kaj adreson al : *Esperantio*, R. de la Bourse 10, Genève (Svisl.).

SENPAGAJ INSTRUKCIOJ pri hipnotismo kaj pri magnetismo. Sin turni al Societo Psychique, Paris XIXe, 142, rue Flandre.

ATENTU ! Bonvolu antaŭ sendi Mk 1 (1 fr. 25) kaj vi ricevos sukceplenan novan kanton : *Mi amas vin* (5 ekz. Mk 4. — Fr. 5 ; 12 ekz. Mk 8. — Fr. 10 ; 20 ekz. Mk 12. — Fr. 15 ; 40 ekz. Mk 20. — Fr. 25. — S-ro Felix Hlobil, Valaŝ. Meziriĉi, Austrio-Moravio.

« GESTUDENTAJ INTERESOJ. » — Sola studenta organo. Jarabono Sm. 1. — Redakcio : « Esperanto » en Luhaĉovice (Aŭstrio, Moravio).

FRANCA FRAŬLINO, 16-20 jara, bone edukata el bona familio estus akceptata ĉe plej bona familio, ellernante germanan lingvon dum la vintra sezono, interŝanĝe kun ĉarma filino 17 jara, dum la somera sezono 1912. Estus reciproka kondiĉo zorgi same kiel pri propra infano. Skribu al la Esperantista Grupo, Hanau, Rhoenst, 4 (Germanujo).

# LINGVO INTERNACIA

*Centra organo de la Esperantistoj*

La plej malnova el ĉiuj Esperantistaj gazetoj. Fondita en 1895

APERAS INTER LA 15-20 DE ĈIU MONATO

**Abono : 5 fr. (2 $)**

# JUNA ESPERANTISTO

*Monata beletristika Gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperanto-lernantoj*

Ordinara enhavo : Rakontoj kaj Noveloj, Fabeloj, Poemoj, Lingvaj ekzercoj, Amuzoj, Problemoj

**Jarabono : 2.50 fr. (1 $)**

*SPECIMENO SENPAGE RICEVEBLA*

**Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède, 33, PARIS**

# GODESBERG-am-RHEIN

nomata " REJNA ESPERANTO-KOLONIO " estas

**Libertempejo** plej agrabla por Esperantistoj, kuracloko kaj somerrestejo, tute ĉarma urbeto kie *Esperanto estas ne plu projekto sed fakto* (Esp. pensionoj, magazenoj, legoĉambro ; polic. kaj oficistoj ; 1910 : 100 diverslandaj fremdaj esp.). Informpetoj kun respondkupono (por germ. gvidlibro kun RESUMO en ESPERANTO 2 kuponoj), per la Del. de U. E. A.,

S-ro Th. OSTER

*Bonega restejo antaŭ kaj post la 7-a* KONGRESO 3/4 da h. sude de Kolonjo

**Ludo** bonega por lernigi esp. konver sacion estas a kvartetludo STUDO per LUDO (100 diversaj kartoj). Prezo (afrankite antaŭpago !) $ 0.70

## SAMIDEANOJ, ATENTU !



**Novajn insignojn fabrikas la firmo**

**H.-E.-D. AUDOIN**

*81, Rue de Beaubourg, PARIZO*

Pingloj, Broĉoj, Ĉenpendaĵoj, Ĉapelpingloj por sinjorinoj, Butonoj por manumoj kaj butontruoj ; emajlitaj flagetoj por ĉapoj.

Flagoj, Flagetoj, Signaloj, Gvidiloj, Standardoj Medaloj, Metalmarkoj, Diplomoj, Brodaĵoj, Mortotukoj.

Specialaj modeloj registrigitaj. Grava rabato al vendistoj kaj esperantistaj grupoj 15 0/0

La firmo povas fabriki ĉiajn specialajn signojn aŭ Standardojn kun surskribo laŭvole por Grupoj, societoj, k. t. p.

Riĉaj insignoj el arĝento kaj el oro

*Petu la senpagan, ilustritan kaj kolorigitan katalogon kaj adresu ĉiujn leterojn al*

**S-ro Albert DUPUIS**

Ĝenerala Agento

**2, rue de l'Arc-de-Triomphe, PARIS (XVII^e)**

kiu tuj respondos

SILKAJ ESPERANTAJ PROPAGANDILOJ

El belaj verdstelumitaj ŝtofoj. Universala uzado.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Flageto, | 0.120 Sm. | Ĉapelpinglo, | 0.500 Sm. |
| Brakbanto, | 0.400 Sm. | Vualskarpo, | 1.320 Sm. |
| Kravatoj, | 0.500 Sm. | Rubando, metro, | 0.800 Sm. |

*Silka portreto de* **D-ro Zamenhof** *sur poŝtkarto, 0.300 Sm.*

Kontraŭ respondkupono oni ricevas flageton kaj ilustritan prezaron. — Rabato pogrande. **B. PEYRAUD**, V.-Del. U. E. A., 54, rue Préfecture, **Saint-Etienne (Franc.)**.

# MIRALETTRE (Leterpapero sen koverto) necesega por ĉiu

Specimenoj (verde presitaj steloj por *Poŝtkupono*.

*ESPERANTO*, 25, rue Saint-Vincent-de-Paul, PARIS (X-e)

„Pelikan"

Tra la tuta mondo la nomo estas konata. Ĉu ĝi ne ankaŭ troviĝas sur via inkbotelelo? Se ne, tuj provu inkon "Pelikan"! Ĝi estas fabrikaĵo de perfekta kvalito, same kiel skribrubandoj kaj karbopaperoj de l'marko "Pelikan". Via paperisto ilin liveras al vi, sed postulu la markon "Pelikan"! Prospekto esperanta Nro 215 senpage sendata de la fabrikanto

Günther Wagner, Hannover (Germanujo) kaj Vieno




**VAN DE STADTS**

**ALUMINIA LUTO VERA**

ĜENERALA AGENTO :

**J. VAN DE STADT,**

*12, Avenue de Keyser, Antverpeno, Belglando.*

*La Administranto (Gérant) :* MICHAUD

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).

